VII[a] jaro. N° 103 ★ Duonmonata ★ 20 Junio 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**
**Jara abono** . . . . . . **2,00 $** (5 fr. »)
**Luksa eldono**. . . . . **2,50 $** (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1[a] de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
**HECTOR HODLER**

**REKLAMO**
**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). . **20 Sd.**
**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**
**Korespondado** (1 enskribo). . **20 Sd.**
*Rabato da 10 °/₀ por 4 enpresoj, 25 °/₀ por 12 enpresoj ; 50 °/₀ por 24 enpresoj.*

**Redaktejo & dministrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo).**

## TEKSTO



# NUNTEMPAJ HEROOJ

Antaŭ kelkaj tagoj mi havis la grandan plezuron ĉeesti en Dijon, kiel korespondanto de *Esperanto*, la alvenon de la du unuaj gajnintoj de la granda aervojaĝo de Parizo al Romo, Beaumont kaj Garros. Dum mi ilin atendis sur la observejo de la kronometristoj, kun kelkaj sportistoj kaj aviadistoj, ni alvokis en nian memoron la diversajn fazojn de la progreso de tiu nove elpensita mirindaĵo.

Mia unua memoraĵo pri aviado datumas de nia neforgesebla II-a Esperantista Kongreso en Ĝenevo en 1906. Dum la postkongresa ekskurso al Annecy mi havis la honoron vojaĝi sur la ŝipo kun nia samideano, la bedaŭrata kapitano Ferber, kiu en tiu tempo eksperimentis planflugilojn, daŭrigante la belajn priserĉojn de Lilienthal kaj Chanute. Li regule korespondadis kun la fratoj Wright, kies eksperimentoj en Dawson-City incitis la scivolemon kaj ankaŭ la nekredemon de l'mondo. Ĉar mi demandis lin ĉu, laŭ lia opinio, la du amerikanoj efektive flugis 32 kilometrojn per la de ili konstruita aparato, li respondis je mia granda miro : « Jes, pri tio mi havas nenian dubon ».

Kelkajn semajnojn poste, la 23 oktobro, Santos-Dumont en Bagatelle apud Parizo, la unua en Eŭropo post la sensekva provo de Ader en 1907, faris publikan flugon da 65 metroj. Sufiĉas relegi la sportajn jurnalojn de tiu epoko, por certiĝi ke tiu okazintaĵo ne multe entuziasmigis la publikon. Efektive oni tiam havis admiron kaj fidon nur al la direkteblaj balonoj, kiuj per la braveco de tiu sama Santos-Dumont, jam de 1901, veturante de Chalais al Eiffelturo kaj reveno, vekis la interesiĝon de ĉiuj. La jaro 1907 preskaŭ tute forpasis sen nova interesa progreso : sed jen en novembro Henri Farman, alia samideano, rondflugas unu kilometron sur sia biplano, kaj la 13 januaro 2 kilometrojn en 3 minutoj 31, gajninte la premion fonditan de S-ro Deutsch de la Meurthe kaj de S-ro Archdeacon, kiu de tiu tempo fariĝis plej varma batalanto de nia Esperanta armeo. De tiam la entuziasmo kreskas tagon post tago, kaj la kunlaborantoj kaj konkurantoj ĉie plimultiĝas. La 11 aprilo Delagrange flugas 4 kilometrojn en Issy, kaj en junio 10 kilometrojn en Italujo.

La konstantaj progresoj de aviado jam klare pruvis, ke la bona vojo estis trovata. Dume, la malfeliĉoj de la aerŝipoj *Patrie* aŭ *Zeppelin* iom malvarmigis la fervoron por tiuj aparatoj. En julio 1908, Henri Farman gajnas la premion Armengaud, flugante 20 minutojn ; Wilbur Wright sin instalas apud Le Mans, kaj flugas 1 h. 31. Dum septembro Delagrange en Issy lin egalas, kaj Blériot post sennombraj malsukcesoj kaj baraktoj fine flugas 12 kilometrojn tra la kamparo per la unua monoplano. Wilbur Wright kunprenas pasaĝeron, kondukante dum unu horo S-ron Painlevé, membron de l'Franca Instituto, kiu antaŭ nelonge prezidis la disdonadon de la premioj de Esperanta konkurso en Parizo. La jaro 1908 finiĝas per flugo de Wright ĝis alteco da 90 metroj, per la trakampara vojaĝo de Farman, de Châlon-sur-Marne al Reims, kaj la rapideca rekordo, 124 kilom. dum 2 h. 20, de Wilbur Wright.

La jaro 1909 vidas la emociigan flugon de Blériot trans la francangla Kanalego, la grandegan mitingon de Reims. De tiu tempo la progresoj iras ĉiutage per grandaj paŝoj. Paulhan konkursas kun Graham White kaj gajnas la premion da 100.000 Sm. por flugado de Londono al Manchester ; la sama flugas en Los Angeles ĝis altitudo da 1520 m. kaj poste Legagneux atingas 3.000 m. La kuraĝa Chavez transflugas la

Alpojn en Septembro 1910 pagante sian venkon per sia vivo, 1910 vidas aŭ vidos la grandajn vojaĝojn de Parizo al Madrido kaj Romo, kaj la rondflugadojn tra norda Eŭropo, ĉirkaŭ Anglujo kaj Germanujo.

La problemo estas do nuntempe preskaŭ solvita. Tamen la aviadistoj formulas almenaŭ kvar ĉefajn dezirojn, kies plenumo estas por ili tre grava : 1-e) havi motoron simplan, regulan, perfekte funkciadantan. En tiu rilato, la rotaciaj motoroj jam donis, en la lasta tempo kontentigajn rezultatojn ; 2-e) atingi grandan rapidecon, da 150 ĝis 200 kilom. hore, per kiu ili venkus sentime ĉiujn aerfluojn kaj turnoventojn : oni jus povis legi en gazetoj, ke antaŭ kelkaj tagoj la rapideco da 129 kilometroj estas atingita ; 3-e) malgrandigi laŭvole la rapidecon ĝis 40-60 kilom., por ke la alteriĝo fariĝu sendanĝera. Tiu lasta problemo, la ŝanĝo de rapideco, restas ĝis nun ne solvita ; tamen diversajn solvojn oni proponis, kiuj ŝajnas ne absurdaj kaj verŝajne estos baldaŭ realigataj : 4-e) ĉar nur per monoplanoj la dezirata rapideco estas atingebla, estas necese aranĝi tiujn aparatojn por ke oni povu bone vidi la superflugatan landon ; la lerta mehanikistaviadisto Train, kiu nur pro malbonŝanco, tute senkulpe mortigis la malfeliĉan francan ministron Berteaux, bone atingis tion en sia aparato, en kiu la aviadisto sidas sub la flugiloj.

* *

Kaj nun kia estas la influo de aviado sur la evoluo de nia civilizacio ? Ĉu ĝi havas moralan signifon ?

Tro ofte ni aŭdas pesimistajn parolojn de politikistoj aŭ filozofoj, kiuj pretendas, ke la homa raso rekte iras al perdo de ĉiu kuraĝo kaj noblanimeco ; ke la solaj priokupoj de niaj samtempuloj estas ĝuo de materia komforto kaj satigo de vulgaraj apetitoj ; ke de la tempo kiam milito, — laŭ ili sole vera lernejo por energio kaj sinoferemo, — fariĝis pli malofta, nenio plu instigas la homojn al la deziro de grandaj agoj kaj noblaj penadoj. La senpraveco de tiaj diroj ĉiutage pruvas la senpartia ekzameno de la okazantaĵoj. Ĉu mankas braveco al la ministoj, kiuj ĉiuminute riskas perei en la mallumaj profundaĵoj de l'tero, kiel centoj kaj miloj de iliaj antaŭaj kamaradoj, al la maristoj ankaŭ, kiuj pli ol iam kuras sur la oceanoj al tro ofta drono ? Ĉu ne montris la plej altan kaj fruktoportan heroecon, la ĉiulandaj kuracistoj, kiuj dum la lasta pesto en Manĝurio, falis pro devo, venkitaj de la terura malsanego, en sia batalo por savi vivojn, sur la samaj militkampoj kie, kelkajn jarojn antaŭe, aliaj homoj ankaŭ falis por doni morton ? Kaj en la nunaj tagoj aliaj heroj sin levas. Al ili ne venis la deziro forrabi de la najbaraj popoloj tiun landopecon sur kiu ili vivas : al la tuta homaro ili ja volas alporti novan akiraĵon, la bluan ĉielon, sur kiu neniu limŝtono estas starigebla, neniu fortikaĵo konstruebla.

Apenaŭ forflugintaj por tiu altcela krozado, ve, ili komencis fali, fulme frapitaj de la venĝemaj elementoj. La jam longan liston de la martiroj de tiu nova ideo, komencis la nomoj de Lilienthal, de Selfridge, de nia samideano Ferber ; ĝin plilongigis la korpremanta morto de Chavez, la misterplena forperdiĝo de Cecil Grace kaj de Grade en nordaj aŭ sudaj maroj kaj la pereo de multaj aliaj bravuloj ĉiulandaj, ĝis tiu de Marra kaj Schendel lastatempe. Sed heroaĵo naskas alian. Oni rememoros ne sen emocio ke, en la horo mem kiam oni enterigis Delagrange, Latham, anstataŭ plori sur lia tombo, majeste supreniris al la nuboj ĝis alteco da 1 kilometro, opiniante tiel pagi la plej valoran tributon al lia memoro.

Ke tia nova formo de paca heroeco respondas al la bezono de moderna animo, pruvas la entuziasmo de la publiko. Mi neniam forgesos la emociplenan lastan tagon de la unua granda ayiada mitingo en Reims kelkajn tagojn antaŭ nia V^a kongreso en Barcelono. Unu minuto speciale kortuŝis min : tiu kiam en radiplena sunkuŝiĝo sur la Champagn'aj montetoj, duondeko da motorbirdoj glitis sur la horizonto, kaj kiam centmiloj da ĉeestintoj, en longaj vicoj revenis al Reims, silente, preskaŭ ne parolante, evidente impresataj de la granda tago jus travivita, kun la neklara kvankam certa sento ke io nova, gravega por la estonteco de la homaro, ekokupis la agadkampon de l'mondo. Sama entuziasmo ofte vidiĝis de tiu tago en Londono, en Madrido en Romo, en Magdeburg, kie triumfoj kompareblaj nur kun tiuj de la famaj antikvaj venkintoj atendis la aviadistojn, kiel pruvo, ke niaj samtempuloj jam volas havi siajn duondiojn ekster la glavaj geniuloj kaj ke la glorfamo jam estas preta ŝanĝi sian ŝtofon.

* *

Admiron por tiaj grandfaroj, neniu pli ol ni, Esperantianoj, devas senti. Ke ni ne volas bleketi al paco pro ŝafida timo, neniu devas dubi ; ni volas ĝin ja, por ke ĉiu povu trankvile kulturi sian propran energion, por ke multaj sin levu por kontraŭbatali ne niajn fratojn, sed la blindajn malamikojn de la homaro, malsanojn kaj ĉiuspecajn materiajn aŭ moralajn mizerojn. Neniu pli multe ol aviadistoj laboras, vole nevole, por alproksimigi la tempon de reciproka estimo kaj interkonsento inter la homoj ; neniu pli ol ili helpas al la pliriĉigo de la trezoro de komunaj impresoj kaj de komuna gloro, kiu donos al la loĝantoj de nia terglobo la konscion, ke ili apartenas al sama familio.

Cetere, la natura simpatio kiu ligas Aviadon kun Esperantismo bone vidiĝas per la supra cito de famaj homoj kiuj dediĉas siajn fortojn samtempe al progresigo de ambaŭ movadoj. Por oficiale firmigi tiun simpation, nia Asocio kreis Aviadan Komisionon. La unua tasko de tiu komisiono estis, oni scias, fondi oran medalon destinitan por memoraĵo al aviadisto, kiu plej bone montros sian komprenon de Aviado laŭ Esperantisma vidpunkto. La regularo por aljuĝado de tiu medalo estos baldaŭ preta ; ni jam povas anonci, ke la valoro de la medalo estos da 200 $ minimume kaj ke ĝi estos donacata solene de ni mem en iu el niaj kongresoj. Helpante al nia komisiono en ĝia laboro, kolektante kaj sendante monon por plivalorigo de nia medalo, niaj Delegitoj kaj membroj ĉiulandaj donas bonan pruvon de sia kompreno pri nia celo kaj niaj principoj.

Th. Rousseau.

*Prezidanto de Aviada Komisiono.*

# PENSOJ

La plej belaj pensoj de aliaj restas senfortaj, se ili ne vekas en ni novajn pensojn.

Niajn plej feliĉajn horojn ni ĉiam faras el horoj pasintaj aŭ ne jam venintaj.

Mi estas la sola homo sur la mondo, kiun mi volus tre precize koni, sed mi nescias kiel komenci.

Grandaj principoj ne estas realigataj en unu tago. En la historio de homaro, la tempo ne kalkulas per sekundoj, sed per jarcentoj.

Sekretaj bonfaroj estas kiel floroj sub la neĝo.

La amo al la sukceso povas mortigi la amon al la bono.

Kiel korko subpuŝata en la akvo tamen suprenvenas, tiel ankaŭ la vero fine ĉiam suprenvenos.

La plej danĝera danĝero estas danĝero ŝajne nedanĝera.

Multaj estas kiel la vojmontriloj, kiuj montras al aliaj la bonan vojon, sed kiuj ili mem ne iras.

Oni kaptas pli da muŝoj per unu barelo da mielo ol per cent bareloj da vinagro.

# SOCIA VIVO

EKSPOZICIOJ

## Internacia Higiena Ekspozicio

Ĵus malfermiĝis en Dresdeno la internacia higiena ekspozicio, la plej granda ekspozicia entrepreno, kiu iam havis lokon en Germanujo kaj kiu, laŭ la kovrata spaco (320,000 m2), superas eĉ la lastjaran universalan ekspozicion en Bruselo. Ŝajnas nekredeble, ke higiena ekspozicio, kiun oni povus unuavide konsideri kiel pure fakan, okupas tiom da loko. Sed la leganto facile konvinkiĝos pri tio akompanante min ĉe rondirado tra la multaj diversaj partoj de la ekspozicio, bonege aranĝitaj en la urba ekspozicia palaco kaj en pli ol kvindek provizoraj domoj kaj haloj ĉarme lokitaj parte en la ekspozicia parko, parte en la najbara reĝa granda ĝardeno, en la publikaj ĝardenoj kaj apudaj placoj.

Enirante en la grandan ekspozician palacon ni troviĝas en la *historia etnologia parto*. Ĝi havas la taskon doni instruan bildon pri la evoluado de la higienaj institucioj de post la antikva tempo ĝis la nuna epoko. Komenciĝante ĉe la antikvaj Egiptujo, Greklando kaj la Roma Imperio kun grandiozaj tomboj de l'tiamaj reĝoj, kun akvokondukiloj kaj banejoj, gvidante nin tra la ofte tre malbona « maljuna bona tempo », tiu interesa parto finiĝas per montrado de la higiena stato en la moderna oriento kaj ĉe la ĝis nun ne aŭ ne plene civilizitaj popoloj. Ni tiel alvenas al alia parto, al tiu de la *tropikaj malsanoj*, en kiu ni vidas, kiamaniere oni batalas kontraŭ la febro, la « dorm-malsano », k. t. p. Apuda halo enhavas la interesegan ekspozicion de la infektaj malsanoj, montranta tiujn skurĝojn de la homaro en ilia tuta terureco, sed ankaŭ donante ideon pri la sanigaj faktoroj kiuj ekzistas, ekzemple la plej nova, la genia eltrovaĵo de la germana P-ro Ehrlich, nomita Salvarsan, bonege efikanta kontraŭ sifiliso, tiu malsano ĝis nun preskaŭ sen kuraco; ĝiaj diversaj formoj estas montrataj en la najbara ĉambrego, dediĉita al la malsanoj de la seksa aparato. Forlasinte tiun lokon de l'teruro kun la agrabla konvinko, ke la neniam ripozanta Scienco nun ankaŭ por tiaj kompatindaj malsanuloj trovis helpon daŭran kaj efektivan, ni eniras la ekspozicion pri la *dentmalsanoj*. Ni ricevas tie detalojn pri la graveco de la homa dentaro, tiu ofte malzorgita, tamen gravega parto de nia korpo. Kion oni en Germanujo jam faris kaj konstante faras por la *laboristaro*, tion montras al ni evidente la speciala ekspozicio de la germana asekurado de la laboristoj kontraŭ malsano, akcidentoj kaj nevalideco. Ni vidas grandajn statistikojn pri la plenumitaj taskoj, bildojn kaj modelojn de la sanigejoj kaj maljunulaj hejmoj, kaj aparatojn uzatajn por gardi la laboristojn kontraŭ la multoblaj al ili minacantaj danĝeroj ĉu ĉe la permaŝina laborado, ĉu de naturaj fortoj en la laborejoj. Sed ne nur por la plenaĝuloj oni zorgas, ankaŭ la infanoj bezonas, kaj plej multe, nian atenton en higiena rilato. Tio estas klare montrata en la parto por la *prizorgado de infanoj*. Rigardante ĝin, ni imaĝe akompanas la infanon de la naskiĝo tra la tempo de la unua nutrado, aŭ natura, aŭ artpreparita, ĝis la lernejo, vidas ĝin ludi kaj lerni, labori kaj ripozi; multegon edukantoj povas tie lerni por sia tasko.

Grandega halo sur la ĉefplaco portas ĉe la monumenta enirejo la oran surskribon : « La homo ». En ĉi tiu halo — ekspozicio per si mem — ni vidas plej detale montritaj ĉiujn partojn kaj partetojn de nia korpo en ilia graveco por la bonfarto ; ni observas ĉe bildoj kaj modeloj la rondfluadon de la sango, la situacion de ostoj, muskoloj kaj nervoj, de ĉiuj niaj pli-aŭ-malpli konataj organoj ; estas klarigite, kiele influas la regulan funkciadon de la plej subtila maŝino, kiun ni nomas nia korpo, la taŭga aŭ netaŭga loĝejo, la laŭforma vestaĵo, la racia aŭ neracia nutrado kaj la vivtenado de nuntempulo. Multegaj objektoj kaj granda nombro da mikroskopoj helpas al la komuna kompreno.

Tra multaj pli malgrandaj haloj enhavantaj la fakajn elmontraĵojn de multaj diversaj asocioj kaj societoj, ekzemple de la societo por helpo al kripluloj, de la asocio por batalo kontraŭ la tuberkulozo, k. t. p., ni atingas la vidindan bienon, konstruitan laŭ la plej novaj higienaj spertoj por homoj kaj bestoj. Ni vizitas la krematorion, kun la rave en arbareto lokita urnejo, kaj nun eniras la grandan halon : prizorgado de la malsanuloj. Tie vidiĝas ĉio bezonebla en okazo de malsano, modeloj de la konstruaĵoj de malsanulejoj, la meblaro, la tuta ilaro de kuracistoj kaj apotekistoj, vestaĵoj same por la malsanuloj mem, kiel por kuracistoj kaj flegantoj, multspecaj transportiloj por malsanuloj kaj vunditoj ; kaj rigardante tiun ĉi lastan parton, ni subite troviĝas en la halo por higieno ĉe militistoj kaj ŝipistoj. Krom la bildoj kaj modeloj de militistaj hospitaloj konstantaj aŭ provizoraj, krom la vagonaroj por la transporto de multegaj vunditoj, k. t. p., ni vidas modernajn uniformojn pli konvenajn por la praktiko ol la ĝisnunaj, ni miras pri la simpleco de la preparado de saniga nutraĵo por la trupoj ĉe militiro aŭ sur ŝipo kaj preskaŭ ne komprenas, kiel oni en moderna militŝipo povas loĝigi tiom grandan nombron da personoj sen malutilo por ilia bonfarto. De tiu halo, tute dediĉita al la antaŭzorgo necesa por iam ebla milito, ni iras al la apuda domego, kies enhavo koncernas la pacan interkomunikiĝon sur tero, sur riveroj kaj maroj. Ĉiuspecaj veturiloj, aŭtomobiloj, fervojaj vagonaroj, ŝipoj, stacidomoj kaj pontoj, ĉi ĉio estas montrata laŭ higiena vidpunkto kaj sincere ni devas diri, ke scienco kaj industrio ĉion pripensis kaj konsideris, kio povas utili aŭ malutili al ni dum vojaĝoj.

Du grandaj haloj montras al la vizitanto ĉion, kio rilatas al la higieno de metio kaj laboro, tekniko kaj maŝinoj. La scienca parto de tiuj haloj mirigas nin per komunkomprenebla klarigo de la multaj danĝeroj minacantaj al la laboristoj en formo de la diversaj metiaj venenoj kaj de la polvo en metiejoj ; samtempe konsolas nin la ekvido de genie elpensitaj aparatoj, kiuj forigas aŭ malgrandigas tiujn danĝerojn same kiel ĉiujn aliajn iel eblajn ĉe la gigantaj maŝinoj, kiuj laboras antaŭ niaj okuloj en la industria parto de ĉi tiuj haloj.

*(Daŭrigota)* J. Karsch (Dresden).

TURISMO

## Internacia Kongreso de Turismo en Lisbono

Antaŭ kelka tempo en Portugalujo stariĝis movado celanta interesi la publikon pri la enkonduko de Turismo en nian landon. Post kiam oni certiĝis pri la efektiviĝo de la IVa Internacia Kongreso de Turismo en Lisbono, tiu movado tiam plikreskis kaj la intereso vere montriĝis ĉu ĉe la publiko, ĉu ĉe la oficialuloj.

La gazetaro favoris ĝin per multnombraj entuziasmigaj artikoloj montrantaj la altajn profitojn, kiujn ĝi povus liveri al ni kaj ĉar ĉiu ideo postulas apostolojn kaj propagandistojn baldaŭ aperis kelkaj fervoraj porbatalantoj decidintaj senĉese labori kaj konstante penadi. Flanke de la registaro ankaŭ naskiĝis intereso kaj deziro protekti la turismon.

La Portugaloj komencis kompreni, ke unu el la aferoj, kiuj pli kunhelpas la progreson de la modernaj kaj plej civilizitaj popoloj kuŝas guste en la oftaj interrilatoj kun la aliaj popoloj, en la interŝanĝado de ideoj kaj aĵoj, en la vizito de fremduloj, unuvorte, en la komunikado de urbo kun eksterlanda urbo, de nacio kun alia nacio. Nur bono

kaj pliperfektiĝo rezultos el tio, ĉu por la komerco, ĉu por la industrio, ĉu eĉ por la privataj celoj de iu popolo. Tiuj ĉi pensoj enradikiĝis ĉe la Portugaloj kaj vidigis al ili,ke ilia patrujo povas profite konkurenci kun aliaj por la allogo de eksterlandaj vizitantoj. La grandnombraj admirindaĵoj de Portugalujo, ĝiaj grandiozaj monumentoj historivaloraj, ĝiaj oportunaj banlokoj, ĝiaj superaj mineralakvoj, ĝia dolĉa klimato, la verdo bela de ĝiaj kamparoj, ĝiaj bongustaj fruktoj, ĝia ĉiufoje pli kreskantaj komerco kaj industrio, povos kontribui al la diskonigado de la lando kaj fariĝi por ĝi granda fonto de riĉeco.

Obeante al tiuj pensoj ĉiuj helpis laŭeble la organizan komitaton de la kongreso de Turismo, kies laboro estis plifaciligata de la iniciatoj de multaj privatuloj kaj de la alta protekto de la registaro de la Respubliko.

El tiuj iniciatoj rimarkinda estas la organizo de ekspozicio de floroj, okazinta la 12an de majo en la malfermtago de la kongreso kaj nomita « Festo de la Floro ». Unu el la ĉefaj stratoj de la urbo troviĝis tute ornamita de la plej belaj rozoj, diantoj, lilioj, iridoj, miozotoj, jasmenoj, kamelioj, violoj, resume el ĉiuj belaj floroj kreataj sub la ĉarma suno portugaluja. El la fenestroj elstaris ĉiulandaj flagoj, pendis riĉaj littukoj diverskoloraj, strangaj flortapiŝoj kaj ĉie regis ĝojo kaj rido. En ĉiu montrofenestro ŝanĝita en groton, arkaĵon, kaskadon aŭ ponton, oni montris parton de bela ĝardeno. Kelkajn murojn oni preskaŭ ne vidis : de la malsupro al la tegmento nur floroj.

La eniro en la kontorojn kaj butikojn estis malfacila : el la flankoj pendis floroj, floroj, ĉiam floroj. La gas- kaj elektrolampojn serpentoj de rozoj, de violoj kaj jasmenoj ĉirkaŭprenis. La urbo salutis la gekongresanojn per festo al la Floro, per apoteozo al la Naturo ! Kiam ili pasis sub la fenestroj pluvo de florfolietoj ilin kaptis. La aspekto de la tuta strato estis nepriskribebla, sed nokte ĝi pligrandiĝis : ĉiuj iluminis siajn fasadojn per elektraj lampetoj, aliaj per balonoj gracie metitaj. La « Festo de la Floro » sendube restas en la penso de la kongresintoj same kiel ankoraŭ restas ĉe la koro de la Lisbonanoj.

La societo kiu pli klopodis por la bonsukceso de la nomita kongreso estas la Societo por Propagando pri Portugalujo. El ĝi eliris la plej grandaj iniciatoj por ke la IVa Internacia kongreso de Turismo Franca-Hispana-Portugala superu la pasintajn kongresojn.

Dum la kongreso efektiviĝis, la ministro de la publikaj aferoj organizis la « Oficialan Oficejon de Turismo », la plej grava pruvo de l'simpatio kaj de l'protekto, kiujn la nuna registaro sentas por tiu afero kaj pruvo ankaŭ de deziro antaŭenpuŝi kaj progresigi ĝin en nia lando. La Societo por Propagando pri Portugalujo nun estas kvazaŭ ŝanĝata en oficialan institucion : pro tio ĝi eble malaperos kiel privata asocio sed, kiel prave diris verkisto, ĝi malaperos kovrita de gloro.

El ĉiuj manifestadoj de la publiko al la kongreso de Turismo la plej kortuŝanta estas tiu farita en la nokto de la 13a de majo. Miloj da personoj en procesio, kun multaj standardoj, balonoj, muzikistaroj trairis la urbon je la ludado de la franca, hispana kaj portugala himnoj kaj sin turnis al la Urbdomo, ĉe kiu la gekongresanoj troviĝis en solena kunsido. La aspekto de la Urbdoma placo vidata de supre estis tre stranga. Centoj da balonoj, flagoj de diversaj koloroj elstaris super granda amaso de urbanoj. Kiam la kongresintoj aperis ĉe la larĝaj balkonoj de la eleganta Urbdomo arte iluminita ekstere la entuziasmo atingis la deliron. La muziko, la entuziasmaj vivu'oj, la aplaŭdadoj frapis nian koron kiu ankaŭ aliĝis al tiu grandioza salutado al la solidareco internacia.

Sed ne nur en la urbo la membroj de IVa kongreso de Turismo ricevis la plej korajn pruvojn de estimo : en ĉiuj promenadoj kaj vizitoj faritaj dum kaj post la kongreso ili ankaŭ ricevis la plej altan akcepton de amikeco. La kongresprogramo plena je festoj, estis tute plenumata kaj ni ja konjektas, ke ili ankoraŭ konservas el ĝi la plej dankeman impreson.

B. Martins d'Almeida (Del. Lisbono).

GEOGRAFIO

## Tri naturaj mirindaĵoj en Brazilujo

La unua el tiuj mirindaĵoj, la Victoria-akvofalo de la rivero Iguassu, estis nur antaŭ ne longe konata, ĉar ĝi troviĝas en tute senhoma regiono, meze de la praarbaro ĉe la limo inter Brazilujo kaj Arĝentino, plej proksime al Paragvajo. La rivero Iguassu rapide trafluas arbaran kaj montaran regionon, kaj flankiras dekstren pli-malpi ol 18 km. antaŭ sia kuniĝo kun la riverego Parana, por formi la akvofalojn. Ne unu, sed centoj da akvofaloj sin ĵetegas de rokaj terasoj, altaj 60-80 metrojn kaj larĝaj 4.100 metrojn, malsupren en la profundaĵon, kaj oni taksas je 140.000.000 tunoj la ĉiuhore falantan akvamason. Kvankam ĉiutempe la plej granda akvofalo de la mondo, dum la pluvperiodo ĝi ankoraŭ treege kreskas ; tiam la rivero leviĝas je 2·3 metroj antaŭ sia falego kaj plilarĝiĝas ĝis 9.400 metroj ; ĉiuj insuletoj subakviĝas, kaj ĉio ĉi prezentas nepriskribeble grandiozan aspekton.

La alian mirindaĵon prezentas la meteorito de Bendego. En 1784, stepanoj transportantaj brutaron tra la rivereto Bendego en la iama provinco Bahia, ektuŝegis grandegan kaj de vegetaĵo kovritan blokon. Pro ĝia sonoro, ili opiniis la blokon altvalora kaj informis pri sia trovaĵo la provincestron, kiu ordonis tujan transporton al la ĉefurbo Bahia. Tamen la grandega pezo, la manko de vojoj kaj la malproksimeco ne ebligis la efektivigon de tiu ordono ĝis antaŭ kelka tempo S-ro Netto, direktoro de la nacia muzeo, komencis interesiĝi pri la objekto. Dank'al iniciato kaj persisteco liaj oni realigis la transporton de la meteorito al Rio de Janeiro — kio postulis preskaŭ superhoman laboron, daŭrintan pli ol dek monatojn. La meteorito, troviĝanta de tiu tempo en la muzeo de Rio, estas holisiderito ; ĝi konsistas precipe el fero kaj nikelo, kaj prezentas senregulan, masivan blokon, kiu pezas 5.360 kg. kaj similas al faldita boatvelo. Ĝiaj plej granda longo estas 2,20 m. kaj plej granda larĝo 1,45 m. Oni ne ankoraŭ scias, kiam ĝi falis ; verŝajne, ĝi jam kuŝis en Bendego jarcenton antaŭ ol la stepanoj ĝin trovis.

Ne malpli kurioza estas la truŝtonego de cacimbro en la municipio Pasqueiro (Pernambuco) ; ĝi sidas sur la montaro Bucu kaj kavas ĉirkaŭon da 3.280 metroj. En alteco da 400 metroj la ŝtonego estas nature traborita kaj vidigas tunelon de diametro da 1.094 metrojn.

Opiniante, ke tiaj fenomenoj ne estas facile renkonteblaj alilande, mi deziris mallonge informi pri ili la legantaron de nia *Esperanto*.

F. E. Thierack (Del. Sao Leopoldo).

## La Kulturado de la Ŝafoj en Aŭstralio

Aŭstralio, kies teritorio egalvaloras la tri kvaronojn de Eŭropo kaj estas loĝata nur de kvar milionoj da homoj tamen reprezentas tre gravan ekonomian centron, precipe pri la eksportado de l'oro kaj de la lano.

En la gazeto *Réforme Économique*, S-ro Et. Boussac montras, kio estis antaŭ cent jaroj kaj kio estas nun en Aŭstralio tiu industrio de la lano, kies nuna produktado atingas 400.000.000 kilogramojn jare.

La ŝafo estis enkondukita en Aŭstralion de kap. Mac Arthur, je 1788. Tiu besto ne nur rapide alklimatiĝis, sed an-

kaŭ produktis lanon neordinare delikatan. Instigita de tiu rezultato, Mac Arthur venigis el Cape ŝafojn merinojn, pagitajn 140 Sm. pokape. Tiel estis formita la unua aro de reproduktantoj. Kun anglaj merinoj, kiujn Mac Arthur venigis je 1806, la aŭstraliaj merinoj formis la modelan ŝafejon de Camder, kiu longatempe sole provizis la landon. Pli malfrue oni perfektigis la rason ĝin parigante kun merinoj de Saksujo kaj de la ŝafejo de Rambouillet. La brutaro rapide plimultiĝis. En 1792 estis 105 ŝafoj, 1861, 23 milionoj; en 1871, 49 milionoj; en 1881, 78 milionoj; en 1891, 100 milionoj. Je tiu epoko estas malkresko. La nombro de la ŝafoj malsuperas ĝis 54 milionoj en 1901; nun ĝi denove atingas 80 milionojn. Dank'al elektado, oni kreis pure aŭstralian rason, kiu produktas lanon de plej bona pezo kaj pli longan ol tiu de la primitiva ŝafo, ne perdante sian delikatecon, kaj ricevas en la konkursoj prezojn superajn al tiuj de la plej bonaj rasoj francaj kaj germanaj. La brutkulturado en Aŭstralio havas tre specialajn procedojn, kiujn ne sekvas la Eŭropaj kulturistoj. En Aŭstralio, brutposedanto, *squatter*, ofte havas cent aŭ du cent mil ŝafojn, eĉ sep cent mil kaj pli. Interŝanĝe de pago da 12 sd. po hektaro, li luprenas grandegajn paŝtejojn; eĉ en kelkaj regionoj troviĝas teroj, kies luado kostas 4 spesojn pohektare por minimumo da 10.000 hektaroj. La herboj tie kreskas ĝis unu metro de alto, kaj ilia rezisto kontraŭ la sekeco estas eksterordinara. La lanbestoj paŝtas sin sur vastaj suprajoj ĉirkaŭataj per bariloj. La gardistaro ĝenerale ne superas 20 personojn por 100.000 ŝafoj.

Nuntempe, oni kalkulas, ke la 57 % de la aŭstralia lano provizas la Eŭropan kontinenton, 26 % Britujon, 6 % Usonon, 1 % Indion, Ĥinujon kaj Japanujon, 10 % Aŭstralion. Francujo importas la kvaronon de tiu produktado. La havenoj de Dunkerque kaj Antverpeno estas la importocentroj de la Eŭropa kontinento. — L. O.

---

IDEOJ & FAKTOJ

## La sociaj asekuroj en Anglujo

Sinjoro Lloyd George, ministro de la financoj, antaŭ nelonge prezentis al la anglaj deputitoj la registaran leĝprojekton pri la naciaj asekuroj kontraŭ la *nevalideco, malsano* kaj *senlaboreco*. Li klarigis, ke 30 % de la paŭperismo venas de la malsano kaj granda parto de la ceteraj 70 % rezultas de la senlaboreco. La registara projekto por kontraŭbatali ambaŭ malbonojn konsistas el du partoj: la unua sin okupas pri malsano, la alia pri senlaboreco.

La asekura projekto kontraŭ la *malsano* dividiĝas je du sekcioj: trudata kaj memvola asekuro. Ne estas devigataj sin asekuri la soldatoj, maristoj, profesoroj kaj diversaj kategorioj de regnaj funkciuloj kaj oficistoj, por kiuj jam ekzistas specialaj kapitaloj.

Ĉiuj kategorioj de laboristoj estos egale traktataj. La kotizo de la viroj por la deviga asekuro estos 16 spesdekoj, deprenotaj de la semajna salajro; la virinoj pagos semajne 12 spesdekojn. La ŝtato kotizus po 8 sd. por homo kaj proponas, ke la mastroj devu pagi por ĉiu sia laboristo 12 Sd. La projekto trafas ĉiujn gelaboristojn inter la 16ª kaj 65ª jaro. La malalteco de la kotizoj, deklaris la ministro, devenas de la ŝtataj aranĝoj jam faritaj por pensioj al maljunuloj; speciala kapitalo estas kreata por tiuj, kiuj pro malsano aŭ senlaboreco ne povus pagi.

La sekcio de la *memvolaj* asekuroj celas tiujn personojn, kiuj, kvankam ne laboras por mastro, tamen havas regulan okupadon, kiel ekzemple vilaĝa forĝisto. En tiu kategorio, la personoj malpli ol 65 jaraj pagos semajne 28 sd (virinoj 24 sd), t. e. sumon egalan al la kotizo de la laboristo kaj de lia mastro por la deviga asekuro. La homoj pli ol 65 jaraj rajtos profiti la registaran projekton kotizante proporcie al sia salajro. La leĝo pri asekuroj kontraŭ malsano kaj nevalideco ne koncernas la senmetiajn edzinojn.

La ministro de la financoj opinias, ke 14.700.000 personoj (inkluzive 500.000 junuloj kaj 300.000 junulinoj) povus profiti la bonfarojn de la devigaj aŭ memvolaj kontraŭmalsanaj asekuroj.

La leĝo entenas ankaŭ projekton por kontraŭbatali la tuberkulozon. La asekuritoj senpage ricevus kuracadon. Okaze de malsaniĝo, la viroj ricevus semajne: 5 spesmilojn dum la tri unuaj monatoj, 2,500 Sm por la tri sekvantaj monatoj kaj, se daŭras nevalideco, ankaŭ 2,500 Sm semajne.

Al la virinoj oni pagus dum la tri unuaj monatoj semajne 3,750 Sm kaj poste 2,500 Sm. Tamen, post akuŝo ili ricevus dum tuta monato semajne 15 sm.

La asekurito ne estas helpata se lia malsano havas kiel kaŭzon lian malbonan konduton.

La asekuran projekton kontraŭ senlaboreco S-ro Lloyd George intencas komence apliki nur al mekanikistoj kaj laboristoj de konstruajoj. El la salajro de la laboristo 8 spesdekoj semajne estus prenataj kiel kotizo; la mastro pagos po laboristo la saman sumon; fine la ŝtato monhelpos kvarone de la tuta elspezo.

Por ambaŭ asekurprojektoj la sumo ricevota atingus unuajare 245.000.000 Sm, el kiuj la ŝtato donus 25.000.000 Sm; la kvaran jaron, tiu ŝtathelpo altiĝus ĝis 55.000.000 Sm. La registaro intencas apliki tiujn sociajn reformojn depost la 1 majo 1912. Ili ne plene malaperigas la koncernatajn suferojn, sed ilin ŝatinde malpliigas. Tiuj klarigoj de la ministro estas aplaŭde akceptitaj; influaj deputitoj el diversaj partioj promesis helpi la registaron por la plenumo de tiu humana tasko.

L. J. P.

---

## Por la Paco internacia

Kun ĝojo ĉiuj ni povas konstati ke de kelkaj jaroj la ideoj pacamaj progresas en la mondo. La homoj pli okupiĝas pri tiui ideoj, la registaroj atentas pri ili. Jam inter Usono kaj Anglujo, inter Usono kaj Francujo okazas diplomataj diskutadoj por arbitraciaj traktatoj sen esceptoj pri nacia honoro aŭ pri fundamentaj interesoj. Nun en multaj landoj kovriĝas je subskriboj peto, iom malpreciza, por la paco, pri kiu estis presita artikolo en tiu-ĉi jurnalo en la numero de la 5-a de aprilo.

La pacamantoj estas multegaj; do, se ĉiuj subskribas tiun peton la registaroj scios pri la grandega helpo, kiu subtenos ilin, kiam ili agos laŭ la deziro esprimita, t. e. kiam ili faros « konvenciojn, en kiuj ĉiuj ŝtatoj, subskribintaj la Hagan « konvencion, sin devigas fari eblajn ŝanĝojn en la *statu quo* « de l'aŭtonomio aŭ de l'teritoria posedajo de la ŝtatoj nur « per kontraktoj, kiuj estas starigataj per libera konsento « de ĉiuj interesitaj ŝtatoj; plue reguligi kiel eble per kon- « traktoj ĉiujn aliajn internaciajn interesojn, kaj submeti « al arbitracia kortumo, kiu devas gardadi pri la *statu quo* de « l'aŭtonomio kaj de l'teritoria posedajo de la ŝtatoj, ĉiun « malpacon, kiu ne povas esti forigata per diplomatiaj trak- « tadoj. »

Do, laŭ ni, estas devo, ke ĉiuj veraj pacamantoj subskribu tiun peton kaj diskonigu ĝin. Sed ni opinias, ke la plenumo de la deziro esprimita ne estos tre efika rimedo por malebligi militojn kaj eĉ por okazigi malpligrandigon de la armadoj.

Ĝi ne estas tre efika por malebligi militojn, ĉar kelkfoje la publika opinio de unu tuta popolo devigas registaron, ke ĝi malobeu unu traktaton libere akceptitan de ĝi, kaj tiel kaŭzas militon malfeliĉigan tiel je la justulo kiel je la maljustulo.

Ĝi ne estas tre efika kaŭzo de malgrandigo de l'armadoj; ĉar, tiom longe, kiom milito estos ebla, estos en ĉiuj regnoj

homoj, eĉ dezirantaj la pacon, kiuj rezonos kiel la Germana kanceliero Bethmann-Hollweg: « Tiom longe, kiom milito estos ebla, ni devos zorgi por ke nia militistaro plifortiĝu ĝis ĝi estos tiom forta, kiom kune ĉiuj militistaroj kunligeblaj kontraŭ ni. »

Do, estas necese, ke la pacamantoj ne nur laboru por traktatoj arbitraciaj senesceptaj, ili ankaŭ devas klopodi por ekestigi organizaĵon internacian, kiu trudu al ĉiuj civilizitaj nacioj aliĝintaj al ĝi la pacon inter ili kaj devigu ilin protekti unuj la aliajn kontraŭ la eblaj atakoj de eksteraj regnoj. Nur en tia organizaĵo estos facile konvinki la timemajn pacamantojn pri la sendanĝereco de samtempa ekmalarmo. En ĝi la sendanĝereco de la nacioj estos pleja. Tio estas facile komprenebla; sed la detala elpenso de tia organizaĵo estas sufiĉe malsimpla. Ĝi devas lasi ĉiun popolon libera pri siaj internaj aferoj. Ĝi devas havigi al la Centra Estraro devigilojn, kiujn ne posedas arbitraciaj kortumoj.

Multajn aliajn demandojn devas solvi iu, kiu volas imagi efektivigeblan Regnoligon. Komitato internacia zorge studis la temon kaj verkis projekton de tia Federacio.

La direktanta ideo de tiu Komitato estis, ke logike pacamanto devas: 1-e serĉi: kiuj estas la rimedoj efikaj por estigi la pacon; 2-e elekti inter ili tiujn, kiuj kaŭzas malbonojn malpli gravajn ol bonojn; 3-e Labori por ĉiuj tiel elektitaj rimedoj, sed precipe por la plej facile starigebla, t. e. por la plej multe aprobigebla de ambaŭ popoloj kaj registaroj.

Ĝi do penis verki projekton aprobindan, ne kiel idealan, sed kiel progresan, de ĉiuj pacamantoj ĉu plej fervoraj patriotoj, ĉu plej ribelemaj nacikontraŭuloj. Sed ne sufiĉas la verko de tia projekto; gi estus longatempe senutila se la homoj ne montrus unuj al aliaj kaj al la registaroj, ke ili aprobas ĝin, kaj deziras ke ĝi fariĝu realaĵo.

Tial, la priparolita Komitato intencas fari precizan statistikon de la aprobantoj de tiu projekto, ĉefe por influi la registarojn. Ĝi esperas, ke dank'al Esperanto baldaŭ en ĉiuj civilizitaj landoj fondiĝos Societoj por la diskonigo kaj aprobigo de tiu projekto· Ĝi esperas, ke ĉiuj Esperantistoj dezirantaj la pacon kaj ŝatantaj la ideojn ĉi-supre esprimitajn skribos tuj por pliaj detaloj — ĉefe tiuj, kiuj iros al Antverpeno, ĉar se tie estos sufiĉe da partianoj de la projekto, ni povos organizi amikan diskutliberan Esperantan paroladon pri ĝi.

Ĝi petegas, ke ĉiu pacamanta Esperantisto, kiu malkonsentas kun iu ĝia ideo, skribu ankaŭ al ĝi, por ke estu ebla al ĝi pliklerigi lin pri tiu ideo kaj, ĝi esperas, ankaŭ konsentigi lin kun si (1).

Brogaĵota (Paris).

## La nombro de la Izraelidoj

Laŭ Izraelida gazeto, la nombro de la Izraelidoj en la tuta terglobo atingas 11.817,783, el kiuj 8.942.266 en Eŭropo, 1.849.409 en Ameriko, 522.635 en Azio, 341.867 en Afriko kaj 17.106 en Oceanio. El la 8.942.266 Izraelidoj de Eŭropo, pli ol la duono (5.110.548) loĝas en Rusujo. La ceteraj dividiĝas jene laŭ la landoj: 1.224.889 en Aŭstrio, 851.378 en Hungarujo, 607.862 en Germanujo, 282.277 en Eŭropa Turkujo, 266.657 en Rumanujo, 238.275 en Britujo, 105.988 en Nederlando, 100.000 en Francujo, 52.115 en Italujo, 33.633 en Bulgarujo, 15.000 en Belgujo kaj 12.264 en Svisujo. Kiel oni vidas, la plimulto estas en la slavaj kaj germanaj landoj. Ekzistas urboj, kiuj havas proporcie grandan nombron de Izraelidoj, ekzemple Nov-Yorko (1.062.000), Varsovio (204.712), Budapest (186.047), Vieno (146,925), Londono (144.300), Parizo (100.000), Amsterdam (59.065). Kompare kun la tuta loĝantaro, la pli forta proporcio estas en Varsovio (pli ol la triono).

V. L.

(1) Ĉiuj interesatoj skribu al S-roj Brogaĵota, 44, rue Trévise, Paris.

---

NOTOJ

*Marto-julio.* — Ekspozicio de l'itala portretaro en Firenze.

*Marto-oktobro.* — Universalaj ekspozicioj en Torino kaj Romo.

*13 majo-15 julio.* — Internacia ekspozicio de la malgranda ilaro en Antverpeno.

*Majo-junio.* — Internacia ekspozicio de novaĵoj kaj eltrovaĵoj pri la fera industrio kaj meĥanikaj konstruaĵoj en Budapest.

*Majo-junio.* — Higiena Ekspozicio en Dresden.

*Junio.* — Festoj por la reĝkronado en Londono.

*Junio.* — Internaciaj flug-konkursoj en Torino.

*17-23 junio.* — Aviada konkurso en Kiel (Germ.).

*18-30 junio.* — Internacia aviada konkurso Parizo-Liège-Utrecht-Bruselo-Londono-Parizo.

*19-30 junio.* — Vetkurado de ŝipoj en Kiel (Germ.).

*20 junio.* — Internaciaj ŝipkuradoj en Torino.

*25-30 junio.* — Eŭkaristia kongreso en Madrido.

*29 junio-1 julio.* — Unua internacia kongreso pri la porinfanaj tribunaloj, Parizo.

*30 junio* — Internaciaj ŝipkuradoj en Torino.

*30 junio-1 julio.* — Internacia kongreso de presartoj, en Torino.

*1 julio.* — Internacia aviada konkurso en Anglujo.

*7-10 julio.* — Internacia kongreso por korpa edukado en Odense (Danujo).

*9 julio.* — Internacia aŭtomobila kurado Susa-Moncenisio (Italujo).

*22-30 julio.* — Konkurso de fajrbrigadoj, (118 rotoj, 3.000 partoprenantoj) en Cherbourg (Franc.).

*23 julio-5 aŭgusto.* — Rondflugado tra Anglujo.

*26-29 julio.* — Mondkongreso de rasoj en Londono.

*31 julio-6 aŭgusto.* — Kongreso de la Franca Societo por la progresigo de la Sciencoj en Dijon.

*3-5 aŭgusto.* — Internacia kongreso de la turismaj Asocioj en Ĝenevo.

*3-6 aŭgusto.* — Kvina internacia kongreso de Stenografistoj Gabelsberger en Kopenhag.

*10-12 aŭgusto.* — Laborista konferenco en Budapest.

*12-15 aŭgusto.* — Internacia muzikkonkurso en Lausanne (Svis.)

*13-15 aŭgusto.* — Internacia konkurso de muziko en Torino.

*16-21 aŭgusto.* — Internaciaj konkurso kaj kongreso de fajrbrigadoj en Torino.

*22-27 aŭgusto.* — Internacia konkurso pri arbarkulturado en Torino.

*28-30 aŭgusto.* — Nacia kongreso de telegrafado en Torino.

*Septembro.* — Bicikleta kurado Torino-Romo.

*10-24 septembro.* — Pafkonkurso en Torino.

*16-24 septembro.* — Ekspozicio de ĝarden- kaj florkulturo en Torino.

*21-23 septembro.* — Internacia kongreso de silkokulturado en Torino.

*17-24 oktobro.* — Deknaŭa kongreso de la paco en Romo.

* *

Por pluaj informoj, la Esperantianoj sin turnu al la Delegitoj de U. E. A. Ĉiuj Delegitoj bonvolu informi nin pri la kongresoj, festoj, manifestadoj de internacia intereso, okazontaj en ilia regiono.

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

— Mi ne scias, ĉu mi skribis al vi, ke Alberto restos ĉi tie kaj ekhavos oficon kun beleta porvivo de la kortego, kie li estas tre simpatia. Rilate al ordemo kaj diligenteco en aferoj mi vidis malmultajn liaspecajn.

La 12-an de aŭgusto.

Certe, Alberto estas la plej bona homo sub la ĉielo. Hieraŭ mi havis kun li mirindan scenon. Mi venis por adiaŭi lin; ĉar mi ekemis rajdi en la montaron, de kie mi ankaŭ nun skribas al vi, kaj irante tien kaj reen en la ĉambro, mi ekvidis liajn pistolojn. « Pruntedonu al mi la pistolojn », mi diris, « por mia vojaĝo ». « Pro mi », li diris », se vi volas klopodi ilin ŝargi; ĉe mi ili pendas sencele ». Mi deprenis unu, kaj li daŭrigis: « De kiam mia singardo faris tiel malagrablan petolaĵon al mi, mi ne volas plu okupi min pri tia aĵo ». — Mi estis scivola aŭskulti la historion. « Mi pasis », li rakontis, « kvaronjaron ĉirkaŭe sur la kamparo ĉe amiko, havis kelkajn tercerolojn (1) neŝargitajn kaj dormis trankvile. Iam en iu pluva posttagmezo, sidante sen okupo, mi ne scias, kiel mi ekpensas, ke ni povus atakiĝi, ke mi povus bezoni la tercerolojn kaj povus — vi ja scias, kia estas tio. — Mi donis ilin al la servisto por purigi kaj ŝargi; kaj tiu petolas kun la knabino, deziras ektimigi ŝin, kaj Dio scias kiel, la pafilo pafiĝas, dum la ŝargbastono ankoraŭ enestas, kaj enpafas la bastonon al ia knabino en la muskolon de la dekstra mano kaj disbatis al ŝi la dikan fingron. Jen mi havis la lamentadon kaj plue devis pagi la kuracadon, kaj de tiu tempo mi lasas ĉiun pafilon neŝargita. Kara trezoro, kio estas singardo? La danĝero ne estas ellernebla! Sed. » — Nun vi scias, ke mi tre amas la homon, escepte lian « sed »; ĉar ĉu ne estas kompreneble, ke ĉiu ĝenerala frazo havas esceptojn? Sed tiel honesta estas la homo! Se li kredas, ke li diris ion senpripensan, ĝeneralan, duonveran, li ne ĉesas limigi, modifi, aldoni kaj depreni, ĝis fine nenio plu restas. Kaj tiuokaze li tro enprofundiĝis en la tekston; fine mi ne plu aŭskultis lin kaj kun stranga gesto metis la buŝon de la pistolo super la dekstra okulo al la frunto. « Fi »! diris Alberto, fortirante la pistolon, « kion utilas tio »? — « Ĝi ne estas ŝargita », mi diris. — « Kaj ankaŭ tia, kion utilas? » li ekparolis senpacience ». Mi ne povas imagi, ke homo povas esti tiel malprudenta mortpafi sin, la sola penso ekscitas mian indignon ».

« Ke vi homoj », mi ekkriis, « por paroli pri ia ajn afero, tuj devas paroli: tio estas malsaĝa, tio estas prudenta, tio estas bona, tio estas malbona! Kaj kion volas diri ĉio ĉi? Ĉu per tio vi esploris la internajn rilatojn de ia ago? Ĉu vi scias kun certeco disvolvi la kaŭzojn, kial ĝi fariĝis, kial ĝi devis fariĝi? Se vi estus farinta ĝin, vi ne estus tiel rapidaj en viaj juĝoj ».

« Vi konfesos al mi », diris Alberto, ke iaj agoj restas malbonaj, pro kiu ajn kaŭzo ili fariĝas ».

Mi suprentiris la ŝultrojn kaj konfesis. « Tamen, karulo », mi daŭrigis, « troviĝas kelkaj esceptoj. Estas vere, ke ŝtelado estas malvirto. Sed la homo, kiu celas rabi por savi sin kaj la siajn de la mortmalsato minacanta, ĉu li meritas kompaton aŭ punon? Kiu levas la nunan ŝtonon kontraŭ la edzo, kiu en justa kolero oferas sian perfidan edzinon kaj ŝian malindan delogintón? kontraŭ knabino, kiu en ĝuplena horo perdiĝis en la nehaltigeblaj ĝojoj de la amo? Niaj leĝoj mem, tiuj trankvilecaj pedantoj, lasas sin kortuŝi kaj retenas sian punon ».

« Tio estas tute alia afero », respondis Alberto, « tial ke homo, kiun forlogas liaj pasioj, perdas ĉiun konscion kaj estas rigardata kiel ebriulo, kiel frenezulo ».

« Ha, vi prudentaj homoj! » mi ekkriis ridetante. « Pasio! ebrieco! frenezeco! Vi apudstaras tiel trankvile, tiel apatie, vi bonmoraj homoj! Mallaŭdas la ebriulon, abomenas la malprudentulon, preteriras kiel la pastro kaj dankas al Dio, kiel la farizeo (1), ke li ne faris vin tia, kia iu el tiuj. Pli ol unu fojo mi estis ebria, miaj pasioj neniam estis malproksimaj de frenezeco, kaj pri ambaŭ aferoj mi ne pentas, ĉar mi lernis kompreni je mia mezuro, ke oni de ĉiam devis proklami ebriuloj kaj frenezuloj ĉiujn eksterordinarajn homojn, kiuj faris ion grandan, ion neebla ŝajnantan.

Sed ankaŭ en la komuna vivo estas netolereble aŭdi, ke oni postvokas ĉiun pro duonelibera, nobla, ne atendita ago: la homo estas ebria, li estas freneza! Hontu, vi seriozuloj! Hontu, vi saĝuloj! (1).

« Tiuj ree estas kelkaj el viaj ĥimeroj », diris Alberto. « Vi trograndigas ĉion, kaj almenaŭ tie ĉi estas malprava, ke vi komparas la memmortigon, pri kiu ni jus parolas, kun grandaj agoj, ĉar oni certe povas kredi ĝin nenio alia ol malforteco. Ĉar kompreneble estas pli facile morti ol persiste elteni turmentoplenan vivon ».

Mi estis interrompanta; ĉar neniu argumento tiel konsternas min kiel, kiam iu citas negravan banalaĵon, dum mi parolas plenkore. Tamen mi trankviliĝis tial ke mi jam ofte aŭdis ĝin kaj koleriĝis pro ĝi kaj respondis, kun iom da vigleco: « Vi nomas tion malforteco? Mi petas vin, ne lasu vin delogi de la ŝajno. Popolon, kiu ĝemas sub la netolerebla jugo de tirano, ĉu vi rajtas diri malforta, kiam post longa tempo ĝi malkvietiĝas kaj disŝiras siajn katenojn? Homon kiu per la timego, ke fajro ekbruligis lian domon, sentas ĉiujn fortojn streĉitaj kaj kun facileco forportas ŝarĝojn, kiujn li apenaŭ povus movi ĉe trankvila sento; iun, kiu en la furiozo pri ofendo, kontraŭstaras ses kaj subigas ilin, ĉu prave oni nomas ilin malfortaj? Kaj, karulo, se penado estas forto, kial tropenado estas la malo? » — Alberto ekrigardis min kaj diris: « Ne koleriĝu, la ekzemploj, kiujn vi jus donas, ne ŝajnas konvenaj tie ĉi ». — « Estu », mi diris, « oni jam ofte riproĉis al mi, ke mia kombinmaniero iafoje limtuŝas sensencecon. Ni do vidu, ĉu alimaniere ni povas imagi, en kia stato estas la homo, kiu decidas forĵeti la alitempe tiel agrablan ŝarĝon de la vivo. Ĉar nur laŭ tio ke ni kunsentas, ni havas la honoron paroli pri ia afero ».

« La homa naturo, mi daŭrigis », havas siajn limojn; ĝi povas elteni ĝojon, suferon, dolorojn ĝis ia grado kaj pereas tuj, kiam ĝi estas superpasata. Jen do ne estas la demando, ĉu iu estas malforta aŭ forta, sed ĉu li povas eldaŭri la spacon de la vivo, ĉu morale ĉu korpe; kaj mi trovas same mirinda diri, ke la homo sin mem mortiganta estas malkuraĝa, kiel estus maldece nomi tiun malkuraĝa, kiu mortas pro malbona febro ». *(Daŭrigota).*

(1) Poŝpistoloj. Rim. de la trad.

(1) Komparu en la nova testamento Lukas 18, II. Rim. de la trad.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

GRAVA AVIZO. — *Ni rememorigas al niaj korespondantoj ke ĉiujn informojn por la rubriko Esperantismo, ili bonvolu sendi antaŭ la* **10a** *kaj* **25a** *de ĉiu monato al ESPERANTO, Rue de la Bourse, 10, GENÈVE. por la sekvonta numero. Ili memoru ĉiam zorge montri la daton de ĉiu fakto kaj la devenon de ĉiu informo. Neniam ni raportos pri malnova okazintaĵo.*

### ONI KONGRESAS !

**Brazila Ligo.** — Ĝia kvara kongreso okazis en Juiz de Fora 21-23 aprilo. Ĉeestis multaj samideanoj el Rio de Janeiro, Petropolis, San Paulo, Nictheroy kaj aliaj urboj. La kongresanoj vizitis kinematografan spektaklon al ili dediĉitan. La ligo reelektis sian komitaton : Prezidanto. *D-ro Joao Keating* ; 1-a sekretario : *D-ro Mello Souza* ; 2-a sekretario ;*S-ro Hernani Mendes.* Plie ĝi decidis, ke en Antverpeno reprezentos Brazilujon *D-ro Benjamen Colucci.*

La 21-an matene, meso estis farata de Pastro *Benedicto Marinho.* La duan vespere, *D-ro Eduardo de Menezes,* prezidanto de l'kongreso, malfermis la kunsidon. Kiel delegitoj de la diversaj sekcioj salutparolis : S-ro *J. Mechivolio* (por la eksterlandaj esperantistoj) ; S-ro *C. Coutinho* (« Suda Stelaro », Campinas) ; S-ro *L. das Trinas* (Grupo de Petropolis); S-ro *H. Leal* (Nitheroy) ; D-ro *H. Amaral* (S. Paulo) ; F-ino *C. Jaguaribe* (« Matena Stelo », Ŝtato Para) ; D-ro *R. Bertrao* (Alagoas) ; D-ro *G. de Souza* (Pernambuc) ; D-ro *H. Mendes* (San José dos Campos) ; F-iño *M. Vieira* ; D-ro *B. Colucci* (Juiz de Fora) ; S-ro *C. Fernandes* (Aracaju).

D-ro *S. Romeiro* faris apologion de la lingvo internacia ; lin dankis S-ro *E. Backeuzer.*

La sekvanta kongreso okazos en Rio de Janeiro. — M. R.

**Itala Kongreso.** — Kun la ĉeesto de pli ol 400 personoj oni malfermis solene la 25 majo la duan Italan Kongreson de la Esperantistoj, en Genova. La ĉefaj aŭtoritaroj de la urbo estis reprezentataj, same la lokaj gazetoj. La Prezidanto de l'organiza komitato D-ro Stromboli malfermis la kunsidon Esperante alportante la korajn salutojn de la Genovaj samideanoj al la italaj kaj eksterlandaj samideanoj. La higiena Asesoro On. Masini, anstataŭante la urbestron, alportis la saluton de la urbo Genova al la kongresanoj, laŭdante la pacan celon de la esperantismo. La reĝa provinclerneja inspektoro prof-ro Vigoni salutis la kongresanojn je la nomo de la Publika Instruada Ministro, certigante, ke li multe ŝatas Esperanton kies studon li jam komencis vizitante kurson gvidatan de D-ro Stromboli. Poste la deputato On. Canepa direktoro de la gazeto *Il Lavoro* faris la malferman paroladon dirante sian grandan simpation por nia bela movado. Li reprezentis ankaŭ nian honorindan samideanon la deputaton Morgari, kiu estante malsana en Romo ne povis ĉeesti nian belan feston. La parolado vere elokventa estis tre aplaŭdata. Parolis poste prof. Signorini el Firenze ; S-ro prof. Bicknell je la nomo de la anglaj samideanoj, S-ro Dubuis (Paris), je la nomo de la francaj ; S-ro Vordermayer je la nomo de la Germanaj ; S-ro prof. Vinay (Torre Pellice); S-ro Monti (Pavia) ; S-ro Viterbo (Firenze). Je la nomo de la gazetaro parolis S-ro Poggio, ĉefredaktoro de la grava gazeto *Il Corriere Mercantile,* kiu ĝoje konstatis, kiel preskaŭ unu jaron antaŭe en Genova oni ne konis, kio estas Esperanto kaj nune per la aktiva laboro de la delegito de U. E. A., ni povas konstati la gravajn progresojn de la hodiaŭa festo klare montratajn.

Multenombraj estis la aliĝoj al la kongreso. La Majstro skribis : « Al la dua itala kongreso de la esperantistoj mi sendas mian koran saluton kaj deziron de plej bona sukceso. Mi esperas, ke post la kongreso Italujo komencos aktivan kaj viglan partoprenadon en nia komuna homara afero. Via Zamenhof. » La Prezidanto de la havena konsilantaro ; la ministro de terkulturo kaj komerco sendis specialan reprezentanton al la kunsidoj de la kongreso. La Asesoro de la publika instruado aliĝis per speciala letero, kaj prizorgis por la disponigo de la salono de la kongreso kaj la ornamado de ĝi. Plie aliĝis la deputatoj : On. Maccaggi ; On. Canepa ; On. Morgari ; On. Callino ; sendis aliĝon kun kuraĝigaj vortoj : La urbestraro de Alessandria ; Porto Maurizio ; Castellamare di Stabia ; Mestre ; Piombino ; Novara ; Voltri ; Camogli ; Pegli ; Volterra ; Biella ; Rivarolo Ligure ; Trapani ; Ferrara. La komercaj ĉambroj de Genova ; Campobasso ; Trapani ; Terra di Lavoro ; kaj Padova. La laboraj ĉambroj de Sanova kaj Livorno. Plie preskaŭ 30 societoj politikaj religiaj k. t. p. de Genova, Palermo, Roma, Sestri Ponente, Rivaloro, Siena k. t. p.

De la Esperantistaj Societoj aliĝis la U. E. A. ; la Société Française pour la propagation de l'Esperanto ; Grupo de Kismarton ; Klubo esperantista de Kolosvar (Hungarujo) Esperanto grupo de Frankfurt a. M. Esperantistoj de Lisbona ; Nicea Grupo Negisky de Petersburgo k. c.

La kunsidoj dum la tagoj 26 kaj 27 de majo estis tre vivplenaj. Post longa interdiskutado oni konsentis ŝanĝi la reguloron de la Federacio laŭ la propono de D-ro Stromboli konservante tamen la nomon de F. E. I. ; tio estas organizo regiona, kun sendependaj sekcioj, oficiala organo *La Itala Esperantisto* kotizaĵo du frankoj kun senpaga abono al la gazeto.

Post la raporto pri la agado de la Federacio dum la pasintaj 14 monatoj oni elektis novan provizaron komitaton por aliformigo de la Federacio laŭ la proponoj de la Genova Esperanto Unuiĝo.

Oni konsentis pri la propono de la Genova Esperanto Unuiĝo por la fondo de kooperativa societo por la eldonado kaj vendado de esperantaj libroj, malfermo de esperantaj oficejoj k. t. p.

Pri la starigo de regionaj institutoj de Esperanto por la instruado de la lingvo oni konsentis kun la propono de D-ro Stromboli, lasante tamen la plej grandan liberecon por la instruado.

Oni aprobas la proponon de inĝ-ro Campazzi por la eldono de Teknika gazeto. Same la geniajn proponojn de S-roj prof-roj Colonnese kaj Ricca por la instruado de Esperanto al la infanoj de elementaj lernejoj per ekskursoj kaj ludoj.

S-ro Schmucker proponas, ke oni instigu la Societon Dante Alighieri por la alpreno de Esperanto kiel helpilo por la propagando kaj disvastigo de la itala lingvo.

D-ro Bassoni tre bone klarigas la utilecon de Esperanto por la medicino, kaj rekomendas precipe la uzon de tiu ĉi lingvo por la skribado de la diagnozoj de la malsanuloj aŭ de la vunditoj dum la malpaco kaj la katastrofoj.

S-ro Mengozzi montras la utilecon de Esperanto por la interŝanĝo de la statistikoj inter la komunumoj kaj urboj de la diversaj nacioj. S-ro prof-ro Massardo bone klarigas la komunan celon de la esperantismo kaj de la paca movado.

S-ro Cuore proponas, ke oni uzu la lingvon Esperanto por la skribado de la temoj de la diplomoj ĉe la Universitatoj.

Dum la kongreso ĉeestis S-ro leŭtenanto Martin (Francujo), reprezentante la S. F. P. E. Oni decidis, ke la sidejo de la tria kongreso estos Milano.

Sabaton vespere okazis tre interesa festo. Preskaŭ 650 personoj plenigis la grandan salonon de la Popola Universitato. 80 geknaboj kantis la Himmon, knabineto Maria Papa deklamis la *Vojo,* knabo Paolo Nanni deklamis la *Verda floro,* leŭtenanto Martin tre aplaŭdita diris du monologojn ;

fraŭlinoj Queirolo, Segrè kaj S-roj Balestrini, Schmucker kaj Battaglia interpretis la komedion la *Renkonto*. Bona orkestro de mandolinoj ludis aplaŭditajn muzikaĵojn; fine la tuta ĉeestantaro kantis nian himnon.

Fine per belega ekskurso al la Portofino Vetta, unu el la plej belaj lokoj el la Riviero, kaj per festeno oni fermis la kongreson, kiu vere sukcesis kaj vere estis grava paŝo de la movado por Esperanto en Italujo. La tuta urbo interesiĝis al nia kongreso, la gazetaro bone helpis nin per longaj rubrikoj. La aŭtoritatoj estis bone impresataj pri nia movado kaj montris sian simpation al ni. La prezidanto de la Havena Konsilantaro metis je la dispono de la kongresanoj ŝipon por viziti la tutan havenon. Precipe la eksterlandaj samideanoj multe admiris la grandon kaj gravecon de nia haveno. Samtempe la dirita prezidanto donis al la Genova Esperanto Unuiĝo 100 fr. La komerca ĉambro same donis 200 fr. Ni Italoj komencis iomete malfrue, sed baldaŭ ni reakiros nian lokon en la esperanta movado. — A. S.

La kunveno de la Itala Esp. Federacio decidis ŝanĝi la sidejon de la Federacio kaj ĝin alporti al Genova; elektis novan provizoran komitaton por ŝanĝi la regularon laŭ la proponoj de S-ro Stromboli.

**Germana Esperanto-Kongreso.** — Antaŭ la ĉefaj tagoj en Lubeko unuiĝis en Hamburgo granda parto de la enlandaj kongresanoj. Okazis la 3-an vespere saluta kunveno en la « Esperanto-kafejo » « Alsterblick », la 4-an matene je la 7,30-a komuna kafotablo en sama ejo, poste rondvojaĝo tra la urbo kaj vizito en granda marŝipo. Komuna tagmanĝo, parolado de profesoro Rohrbach el Gotha pri *Esperanto kaj la Bontemplanoj*. Vespere je la 7,30a vojaĝo al Lubeko.

*En Lubeko.* — Jam je 8 1/2 matene komenciĝis la laboro per kunsido de la konsilantaro de G. E. A. Poste kunvenis samtempe Germana Federacio de la junaj Esperantistoj, Germana Instruista Esperanto-Unuiĝo, Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Vegetaranoj, U. E. A.

La lasta estis bone vizitata de Esperantianoj el ĉiuj partoj de la lando. Oni parolis pri agado de distriktaj delegitoj, varbado de Esperantiaj Entreprenoj kaj aprobantaj membroj kaj *protestis kontraŭ la fakto, ke ia prezidanto de idista grupo estas delegito de U. E. A.* Prezidis Vogler-Hamburg.

Ĉe la malfermo de la kongreso, senatano Kuhlenkamp (Lubeko) salutis la kongreson, dirante la rimarkindajn parolojn, ke li tre bone komprenas la signifon de internacia lingvo por komerca urbo, kiel Lubeko, ke li kredas je la estonteco de Esperanto pro ĝiaj ĝisnunaj sukcesoj kaj pro ĝia simpla kaj genia konstruo. Salutvortojn diris reprezentantoj de la diversaj ligoj de la lando, de multaj eksterlandaj ligoj (Anglujo, Danujo, Svedujo, Bohemujo, Svisujo), de U. E. A. (Vogler). Multaj telegramoj kaj leteroj esprimis la bondezirojn de la nereprezentataj asocioj kaj amikoj en- kaj eksterlandaj.

Profesoro Schmidt (Potsdam), paroladis pri Esperanto kaj scienco. Klariginte la kialon de la reteno de la scienculoj rilate la esperanta movado, li sin turnis per tre trafaj vortoj kontraŭ la agado de sciencaj reformemuloj, kiuj malprave pretendas, ke Esperanto ne havas la kapablon de evoluado.

Laŭ la jarraporto de D-ro Kandt ekzistas nun en la G.E.A. 206 grupoj kun 5.811 membroj, tio estas pligrandiĝo je 40 grupoj kun 1.484 membroj, dum unu jaro. La organizo de la asocio pruviĝis bona kaj formas certan bazon por plua favora disvolviĝo. Oni petis la konsilantaron de la germana ŝtatoligo (Bundesrat), allasi Esperanton kiel egalvaloran lingvon al la ekzameno por la unujara militservo.

Per solena festeno en la kelo de la fama urbdomo kaj per vespera festo en najbara arbaro ni fermis la laborriĉan tagon.

*Mardon 6 Junio* oni pritraktis kelkajn ŝanĝojn en la regularo kaj faris la elektojn de la kasisto (D-ro Arnhold, Dresdeno), de la revizantoj kaj de la eksiĝintaj laŭregule konsilantoj. Estis decidate starigi arbitracian tribunalon por malpacoj inter grupoj kaj membroj.

Gravan impreson faris la paroladoj de S-roj D-ro Mybs kaj von Frenckel, kiuj energie petis elekton de rajtigita reprezentantaro ĉe la internaciaj kongresoj kaj liveradon de necesaj monenspezoj per la naciaj asocioj por la gravaj taskoj de la Centra Oficejo. Oni citis laŭde la nekompareblan oferemecon kaj laboron de S-roj Generalo Sebert kaj de Saussure.

Kiel lokon por la proksima kongreso oni elektis Danzig-Zappot laŭ la invito de la grupoj kaj magistratoj de ambaŭ urboj.

Post la fino de la paroladoj la lubekanoj aranĝis komunan kafotablon en la « Schabbel Haus », malnova patricia domo, viziton de granda vindeponejo de J. C. Engelhard kaj filoj, orgenkoncerton en la malnova Mariopreĝejo, en kiu estas riĉaj arttrezoroj. La vespero kunigis la kongresanojn en la « Schifferhaus » (antaŭe kunvenejo de la ŝipistoj), en kiu bona biero, gajaj kantoj kaj humoraj deklamoj baldaŭ kreis tian humoron, kiun la germano nomas « Gemüthlich ».

*Merkredon 7 Junio.* Tre gravaj paroladoj okazis : Profesoro D-ro Rohrbach (Gotha) paroladis pri : « Esperanto kaj la superaj kaj fakaj lernejoj ». Inĝeniero Kohli (Koesen) parolis pri Esperanto en la teknikaj lernejoj, kaj instruisto Stark (Magdeburg) pri Esperanto en la popollernejoj. Dum la diskutado pri la temoj, S-ro Vogler (Hamburg) aludis la gravajn servojn de U. E. A. por la junuloj kaj la klopodojn faratajn por la enkonduko de Esperanto en la komercajn lernejojn. Li insiste petis por kunlaboro en la fako komerco kaj industrio por gajni la komercistaron.

Humorplena instruprovo de S-ro Stark vekis grandan intereson de la ĉeestantoj.

D-ro Mybs fermis la 6-an kongreson kun varmaj dankvortoj al la urbo Lubeko kaj la lertaj aranĝintoj de la kongreso, precipe al la prezidanto de la Lubeka grupo D-ro Moebusz.

Posttagmeze granda parto de la kongresanoj partoprenis la ekskurson per ŝipo al la bela marbanurbo Travemünde.

Dum la *8 kaj 9 Junio* oni aranĝis ekskursojn al la belaj najbaraj urbetoj Mœlln, Ratzeburg, Eutin, kiuj kuŝas meze de ravaj lagoriĉaj pejzaĝoj, kaj al Kiel, la granda milithaveno.

Ni povas konstati plenan sukceson de la 6-a kongreso, kiu montris, ke dum la pasinta jaro la G. E. A. diligente laboris kaj fortigis sian organizon, kiu promesas pluan kontentigan kreskadon de la movado en Germanujo. La nombro de la kongresanoj estis pli ol 400. — V.

**Belga Kongreso** — La tria Belga Kongreso jus okazinta en Charleroi (4an-5an de Junio). estis speciale rimarkinda pro la entuziasmo de la partoprenantoj. La ĝis nun tre favoraj novaĵoj pri la preparado de la Sepa Universala Kongreso okazonta en Antverpeno multe varmigis la kuraĝojn.

La unuan tagon, la kongresanoj estis oficiale akceptataj de la Urbestraro, kiu, tute algajnita al nia movado, protektas kaj helpas ĝin en sia urbo.

La Jara Kunsido de la Belga Ligo okazis en granda salono de la Borso. Oni aŭdis la raportojn de la diversaj komitatanoj kaj prenis decidojn pri la agado dum la venonta jaro.

Ptgm. la kongresanoj vizitis la Ekspozicio kiu vere estas interesa, kvankam diversaj partoj ne estas ankoraŭ pretaj.

Granda festeno finis tiun lacigan sed interesegan tagon.

Lunde, je la 8-a matene okazis kunveno de la Belgaj Delegitoj de U. E. A. pri kiu speciala raporto estas presita aliloke.

Je la 9 1/2-a la tuta kongresanaro forveturis al Lobbes por fari grandan ekskurson tra tiu bela regiono. Ĝis la reveno, vespere, rimarkinda gajeco regis inter la Belgaj Samideanoj, kiuj disiĝis, plezure dirante unu al la alia : « Ĝis revido en Antverpeno ! » — F. M.

**Brita Asocio.** — La kvara Brita Esperantista Kongreso okazinta en Southport (4-5 de Junio) estis sukcesplena ĉiuvidpunkte.

Ĉirkaŭ 400 samideanoj partoprenis la diversajn kunsidojn propagandajn, amuzajn kaj aferajn.

Dum la tri tagoj bonega propagando estis farata de amikaj grupetoj en la urbo kaj ĉirkaŭajoj.

La ĝenerala kunveno de la B. E. A. kiel la koncertoj kaj festoj okazis ĉe la « Temperance Institute », kie ankaŭ estis organizita esperanta akceptejo kun librovendejo, informejo, k.t.p. La du konceatoj aranĝitaj, unu de la Vagabonda Klubo kaj la alia de la anoj de la Norda Federacio, pruvis al la neesperantistoj, kiel bone taŭgas nia lingvo por la muzikarto, teatrajo, k.t.p.

Ĉe la kunsido de B. E. A. oni serioze pritraktis diversajn temojn interesantajn la enlandajn samideanojn, elektis novan estraron por 1911-12 kaj diskutis la proponon de D-ro Zamenhof rilate al la elekto de oficialaj delegitoj. Estis decidate, ke delegitoj estos sendataj al Antverpeno por kontraŭstari la projekton kiu estis konsiderata kiel senutila kaj danĝera.

La sekvanta protesto estis sendata al D-ro Zamenhof :

La Brita Esperantista Asocio en ĝenerala kunveno malaprobas la proponon starigi specialajn oficialajn delegitojn por kontroli la aferojn de la Esperantistaro.

Dimanĉon okazis diservo ĉe Preĝejo de la Angla Eklezio, en kiu ĉeestis ĉirkaŭ 700 personoj inter kiuj pli ol 300 neesperantistoj.

Post kongresa ekskurso estis aranĝata al la Laglando, dum kiu flirtadis la verdaj standardoj propagandante Esperanton inter la multaj turistoj britaj kaj alilandaj.

Oni sciu, ke la kongresanoj estis oficiale akceptitaj de reprezentanto de la urbestraro, kiu tre interesiĝis al nia lingvo jam de du aŭ tri jaroj.

P. B.

**Centr-Okcidenta Federacio.** — 4-5 junio ; kun siaj multnombraj standardoj ornamitaj de la verda stelo, Le Mans havis specialan festan aspekton. Multaj samideanoj alvenis el Laval, Argentan, Alençon, La Flèche, Orléans, Châteaudun, Châteaurenault, Blois, Romorantin, Bourges, Saumur, Poitiers, Tours kaj estis agrable surprizataj per la banderoloj, kiuj anoncis nian kongreson. La urbestro akceptis niajn gastojn per sia adjunkto, kiu tre afable parolis al ĉiuj ; multe da bonvenaj paroladoj en la urbdomo, dum la honorvino. Du tramveturiloj kun verdaj flagoj transportis la kongresanojn ĝis Pontlieue (apud la rivero Huisne) por tagmanĝi ; poste, vizito tra la ekspozicio, precipe en la *esperanta fako*. Je la 7-a okazis, en la komerca Borso festeno, en kiu estis rimarkataj : S-roj *Boutié* kaj *Laroche*, deputatoj de la Departemento (Sarthe) ; la ĝenerala sekretario de la prefektejo ; la reprezentanto de la ĉefgeneralo ; la adjunkto *Dian-Laporte* ; la delegito de Touring-Club ; ĵurnalistoj ; eminentaj esperantistoj (S-ro *Rollet de l'Isle*, S-ro *Woltz*, S-ino *Tiard*). Sekvis tre sukcesaj koncerto kaj balo. La 5 junio, promenado tra la malnova urbo, ŝipveturado ĝis « la Raterie » (kampara restoracio), komuna tagmanĝo. Fine, reveno al Le Mans ankaŭ per ŝipo. — A. A.

**Bavara-Ŝvaba Societo.** — La 14 majo, en la ĉarma urbeto Kaufbeuren, unuafoje kunvenis la esperantistaj grupoj de la bavara distrikto « Schwaben und Neuburg ». Post vizito al la kolektoj de la urba muzeo, la kunveno en la urbdomo estis malfermata je la 10 per paroladoj de S-roj Beideck, prezidanto de la distrikta Unuiĝo, transdonante la salutojn de la Germana Esperanto-Asocio, kaj Pfleger, estro de la loka grupo, kiu bonvenigis la multnombrajn anojn de la grupoj Augsburg, Memmingen, Mindelheim, Kempten kaj Oberstdorf (nur la grupo Wœrisshofen, kiu sin senkulpigis, ne estis reprezentata) kaj donis la parolon al Profesoro D. Ledermann (Augsburg) por lia festparolado pri « D-ro Zamenhof kaj lia verko », pri kiu la lokaj gazetoj detale kaj favore raportis. Tre rimarkata estis ankaŭ la en aparta ĉambro de la urbdomo aranĝita ampleksa ekspozicio de Esperantaj literaturajoj kaj gvidlibro tra Kaufbeuren, redaktita de D-ro Ledermann. La gastoj kune tagmanĝis en la grupa kunvenejo ; post promenado, ili ĉeestis la koncerton de la urba orkestro en la ĝardeno « Roseneau » ; vespere, muziko kaj dancado. — G. E. G.

**Sudokcidenta Federacio.** — En Limoges, 4-5 junio. La kongreson antaŭis franca parolado de Prof. Cart, vic-prezidanto de la S. F. P. E., pri « Esperanto kaj la disvastiĝo de la francaj ideoj » ; al la 800 ĉeestantoj li klarigis, kial nek franca, nek alia nacia lingvo povas pretendi al tutmonda *uzoteco* ; pri la nuna stato inter diversaj faktoj, la oratoro citis tiun, ke el la 60 anoj de la Londona urbestraro vizitinta Parizon, *nur unu* parolis france.

Tiun aplaŭditan manifestadon sekvis koncerto kun esperantaj kantoj. En la kongresaj laboroj interesate partoprenis multaj samideanoj, kiuj interalie proklamis sian absolutan respekton al la *Fundamento*.

En la speciala *Esperantia kunveno*, D-ro Chalot, Prezidanto de la Toulouse'a grupo, paroladis (esperante) pri la grada disvastiĝo, la servoj kaj la stato de U. E. A.

En la festeno, tostoj, kantoj monologoj, manĝkarto, ĉio estis nur esperante, esceptinte tamen la salutparolon de la urbestra adjunkto, D-ro Desbrière, kiu deziris pruvi al la verdsteluloj la simpation de la granda industria urbo. La balo estis tre sukcesa.

Al la grupo en Bordeaux oni komisiis la taskon organizi la trian federacian kongreson. — L. C.

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Verona* (Ital.) fondiĝis esperanta asocio, kiu baldaŭ starigos esp. fakon ĉe granda librejo. La ĉefa restoracio abonos la gazeton « Esperanto ». — M. L.

En *Narva* (Rus.) malfermiĝis nova grupo ; prezidanto estas S-ro A. Schmidehelm. Kunveno ĉiujaŭde. — J. R.

En *Sedan* (Franc.) post parolado de D-ro Javal. — M. G.

En *Budapest*, laborista grupo. M. G.

En *Zombor*, studenta grupo.

Germanujo : en *Frankfurt M.*, *Hagen*, *Kœnigshütte*; laborista grupo en *Berlino* (52 membroj) kaj *Düsseldorf* 50 membroj). — M. G.

En *Le Caire* (Egipt.) « Egipta Esperantista Asocio ».

Usono : en *Rockville*, *York*, *Aurora*, *Lewis*, *Amarillo*, *Elgin*, *Switzer*, *Leadville*, *San-Francisco*, *Coquille*. — M. G.

En *Eger* (Hnugar) grupo kun 70 membroj. — M. G.

En *Moukden* (Ĥinujo), fondita de S-ro J. M. Vu ; 200 lernantoj, multaj korespondantoj. — K. Ĉ. Ŝ.

**Novaj kursoj.** — En *Tokio* (Japan.) — M. G.

Anglujo : en *Gloucester*, *Nottingham*, *Newcastle*.

Germanujo : en *Leipzig* (5. organizitaj de la laborista grupo « Frateco »), 150 partoprenantoj ; en *Augsburg* (4) ; en *Berlin-Rixdorf*, *Frankfurt* (46 lernantoj), *Stettin*, *Schleiz*, *Colmar* ; laboristaj kursoj en *Mügeln* kaj *Pilna*. — M. G.

En *Sevilla*, (Hisp.) somera kurso. — T. S.

**Paroladoj.** — Germanujo : Serio de paroladoj lasta tempe de S-ro Wichert en *Berlin*, *Gera*, *Gotha*, *Cottbus*, *Postdam*, *Zittau*. — G. E.

En la teatro de *Chateauroux* (Franc.) la 13 majo, gravega parolado de S-ro C. Bouriet, sub la honora prezido de la Prefekto, de divizia generalo, de la urbestro kaj de l'Akademia inspektoro. M. G.

S-ro Naklé, egipta esperantiano, trapasante Germanujon, faris interesajn paroladojn pri nia movado en *Berlin*, *Leipzig* *Bremen*, k. a.

Germanujo : Paroladoj en *Plaŭen*, *Posen* ; en *Stuttgart* la temo estis : Esperanto kaj Ido.

En *Londono* 7 aprilo, grava parolado de S-ro Privat.

En *Moukden* (Ĥinujo) 1 majo, parolis ĉe la esp. grupo, pri U. E. A. S-roj J. Y. Hyon, J. M. Vu, k. a.; Provincestro, Doktoro, Lernejestrino, 340 ĉeest. — K. Ĉ. Ŝ.

En *Oakland* (Usono) S-ro Del. L. H. Gorham.

En *Letchworth* (Anglujo) 11 junio, S-ro H. Bolingbroke Mudie, prez. U. E. A. pri Esp. kaj U. E. A. — F. A. G.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — Kun la kutima sukceso, nia Samideano paroladis 24 majo en Grenoble (Franc.) antaŭ 400 ĉeest, kaj 2 junio en Torino (Ital.) Jen lia vojplano kun datoj:

Junio : *Palermo* 13-15 ; *Messina* 16-17 ; *Siracuse* 18 ; *Malta* 20-24 ; *Tunis* 25-27 ; *Alger* 28-30 ; *Oran* (?) *Gibraltar* 5 julio.

**Esperantiaj distriktaj kunvenoj.** — *Svisujo.* — Sabaton kaj dimanĉon de Pentekosto okazis en Zürich kun plena sukceso la 1-a Distrikta kunveno de la Svisaj Esperantianoj, bone aranĝita de la Zürich'a Del. S-ro K. Jost. Ĉeestis Del. kaj membroj el ĉiuj partoj de Svisujo. Sabaton, okazis propaganda parolado de S-ro J. Schmid pri la socia signifo de U. E. A. ; sekvis Esperantaj paroladoj de S-ro Hodler pri Esperantia agado kaj de S-ro Rousseau, Distr. Del. de Burgonjo, pri Burgonjo kaj ĝiaj vizitindaĵoj, kun interesaj lumbildoj.

La dimanĉo matena estis dediĉita al vivplena labora kunveno, kiu daŭris pli ol du horojn, sub la prezido de S-ro H. Hodler. La raporto de S-ro Schmid, Distr. Del., estis unuanime aprobita. Diversaj personoj raportis pri speciale interesaj servoj liveritaj al ili de U. E. A. La kunveno esprimis dezirojn pri la eldono de gvidfolioj kaj de distrikta Esperantia afiŝo, pri varbado de hoteloj kaj de Esp. Entreprenoj, elektado de novaj Del. k. t. p. S-ro Hodler kaj Rousseau paroladis pri la metodoj praktikaj kaj pozitivaj, propraj al U. E. A., kiuj revas anstataŭi la pure predikan propagandon. Tiun interesan kunvenon finis festeno kaj ekskurso sur la lago. Ni aldonu, ke ĉe tiu kunveno partoprenis karavano de ok burgonjaj Esp-ianoj, kondukitaj de S-ro Rousseau, kiuj uzis la okazon por viziti Svisujon. Imitinda ekzemplo ! — A. R.

## ANTVERPENAJ KONGRESOJ

### La Sepa.

*Literatura Konkurso* (sekvo de la premioj). 18 Stela-Concert, Parizo : *Kanzono tuj komprenebla laŭ populara ario.* Premio : bela arta objekto.

19. « Germana Esperantisto », Berlino : *Priskribo de popolaj moroj*, aŭ, laŭ elekto, *Popolaj legendoj.* Proks. 1.000 vortoj. Du premioj el libroj, valoro po 10 Sm.

20. Societo Esperantista Kaŭkaza, Tiflis. *Originala aŭ tradukita 5-8 paĝa verketo* pri iu ajn temo, kun ekskluziva uzo de radikoj de l'« Universala Vortaro » de la Fundamento. 1-a premio : 12 Sm ; 2-a : 8 Sm.

### Ekspozicio.

La Loka Komitato organizos ekspozicion. Por ĝia sukceso, ĝi alvokas al ĉiuj eldonistoj, aŭtoroj, grupoj kaj disaj samideanoj por la alsendo de libroj, broŝuroj, kartoj, cirkuleroj, fotografaĵoj, afiŝoj, ĉiuspecaj dokumentoj, k. t. p.

Ĉio estos zorge konservata kaj tuj resendata post la 1 septembro. De la 1 aŭgusto la sendaĵoj estos akceptataj. Adr. : Sepa Internacia Kongreso de Esperanto, Koninklyk Atheneaum, *Antwerpen*, Belgujo.

### La kongreso de U. E. A.

.˙. Sub la aŭspicioj de U. E. A. prepariĝas karavano por *Nord-Angloj*, gvidata de S-ro E. J. Brierley. Jen la aranĝoj faritaj :

*Karavano A.* El Grimsby al Antverpeno. Foriro 19, Aŭg. per speciala ŝipo. (jam 70 personoj enskribiĝis).

*Karavano B.* Nord-Anglujo tra Hall kaj Rotterdam al Antverpeno ; 17 kaj 18 Aŭg.

Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro Brierley, Grosvenor R^d^ *St-Helens* (Lancs).

.˙. Por *Germanoj*, S-ro Von Frenkell organizas sub la aŭspicioj de U. E. A. karavanon al Antverpeno. Ĝi foriros de Dresdeno la 19 Aŭg. je 10 h. 35 (alveno 20 Aŭg. 5 h. 49) aŭ je 7 h. 21. La prezo de Dresdeno ĝis Antverpeno, ir-reiro, estas 44,20 Sm. II-a klaso kaj 28, 30 Sm. III-a klaso. Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro Von Frenkell, Hauptstr. 38, Dresden (Gernan).

## OKAZONTAĴOJ

### Programoj kaj informoj.

.˙. En Beauvais (Oise, Francujo), okazos la 25 junio la ĉiujara festo je la honoro de la heroino Jeanne Hachette. Vizitontaj esperantistoj estos kore akceptataj de la tiea grupo, kiu donacos al ili belan esperantan memoraĵon, kaj klopodos ĉe la Norda Fervoja kompanio por rabato. Por detalaj informoj : S-ro Grives, rue de Nully d'Hecourt, Beauvais.

.˙. Por la Kongreso de la Normanda Federacio en Rouen, ekspozicio estos aranĝata. La Del-ino estos tre dankema al ĉiuj samideanoj, kiuj bonvolos sendi al ŝi esperantaĵojn. F-ino E. Fournier, rue Cauchoise 22, *Rouen*, Francujo.

.˙. La *Ardenaj Grupoj* organizos festojn en *Charleville* (Franc.) la 30 julio. Karto (de nun mendebla) ; 0,400 Sm. Por informoj : Delegito G. Ramboux, 40 R. Baron Quinart, Charleville. Kunveno de U. E. A. por la Orienta distrikto.

.˙. Programo de la *Katolika Kongreso.*

*14 aŭgusto.* — 8-a vesp. Malferma kunveno. Parolado de pastro *G. van Poppel* (Germ.), kaj de ĉiulandaj delegitoj.

*15 aŭgusto.* — 3-5 h. Raporto pri la unua kongreso : S-ro *C. Colas* ; pri la nuna stato de I. K. U. E. : P-ro *Duvaux* (Franc.); pri la reunuiĝo de la Kristanaro : Rev. *E. Tovey* (Angl.) ; Starigo de konstanta kongresa komitato kaj decido pri la lokoj de la proksimaj kongresoj : S-ro *W. Lutkie* (Nederl. ; elekto de komitato por teologia vortaro.

8-10 h. Rimedoj kor helpi per Esperanto al la katolikaj virinprotektaj societoj : *B-ino de Ménil* kaj *S-ino Milsom.*

*17 aŭgusto.* — 10-12 h. Starigo de tutmonda apologia societo por la defendo de l'Eklezio *P-ro Parker* (Irlando).

2-5 h. Esperanto kaj blinduloj ; farita kaj forota laboro : *Frato Isidore* (Belg.) ; Esperanto por helpi laboristojn, turistojn, komercistojn, ke ili trovu ĉie katolikajn pastrojn kaj samideanojn : *P-ro Poell* (Nederl.).

*18 aŭgusto.* — 10-12 h, Katolikoj kaj Pacifismo. *P-ro Richardson* (Belg,).

8 h. vespere. Ferma kunveno.

### Esperantista Kalendaro.

*24-25 junio.* — Dua Kataluna Esp.-Kongreso en Tarragona.

*25 junio.* — Festoj « Jeanne Hachette » kun esperanta parto, en Beauvais (Franc.).

*2 julio.* — Kongreso de la Esp. Normanda Federacio en Rouen.

*9 julio.* — Festkunveno de la Nederlandaj Esperantistoj en Harlemo.

*19-20 julio.* — Kunsido de la Esperanto-Asocio de Pacifika Nordokcidento kaj distrikta kunveno de U. E. A. en Portland (Oregon, Usono).

*23 julio.* — Festekskurso de la Pariza Grupo.

*30 julio.* — Festo de la Ardenaj grupoj en Charleville (Franc.) ; distrikta kunveno de U. E. A.

*14-19 aŭgusto.* — Dua internacia kongreso de la katolikaj Esperantistoj en Hago (Holando).

*16-18 aŭgusto.* — Esperanto-tago en Dresdeno ; distrikta kunveno de U. E. A.

*18 aŭgusto.* — Kunveno de la Esp. Stenografistoj Gabelsberger en Dresdeno.

*20-27 aŭgusto.* — Sepa Universala Esperanto-Kongreso en Antverpeno.

*26-30 aŭgusto.* — Dua kongreso de U. E. A. en Antverpeno.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *S. F. P. E.* — La novelektita komitato de la franca societo por la propagando de Esp. elektis kiel prezidanton S-ron Rollet de l'Isle (S-ro Cart ne akceptis reelekton), S-rojn Boirac kaj Cart kiel vicprezidantojn, S-ron Demarcy, kiel sekretarion, S-ron Aizière, kiel helpsekretarion, S-ron Robert kiel kasiston.

.˙. *Esperanto en Samos.* — Oni scias, ke Samos estas la unua ŝtato kiu oficiale akceptis Esperanton. Nur en la ĉefurbo kaj najbara vilaĝo Vati estas 373 Esp.-lernantoj.

.˙. *Esperantistoj persekutataj.* — La rusaj gazetoj konigas al ni, ke la rusa polico faris en Peterburgo perkvizicion ĉe la jenaj samideanoj : S-roj Evstifeieft, Postnikov, Beringer, Burkov, Zike, Volkvysskij, F-inoj Barabanova, Trapeznikova, kaj Kosjankovska. Krom tio estis arestitaj S-roj Postnikov, Burkov kaj F-ino Barabanova. Ĉiuj dokumentoj Esperantaj trovitaj ĉe la diritaj samideanoj kaj ĉe la sidejo de la Ruslanda Ligo estis konfiskitaj.

.˙. *Katolikaj esperantistoj* preparas ian komunan agadon dum la internacia eŭkaristia kongreso, okazonta en Madrido de la 25-a de Junio ĝis la 1-a de Julio. Ĉar oni anoncas 60.000 ĉeestantojn, kaj jam oni devis serĉi loĝejojn ĉe la apudaj vilaĝoj, la agadkampo estos vastega. — P. L.

.˙. *Tro da fervoro!* La 15-a de Majo havis lokon en Barcelono la ekludo de tragedio, kiu multe ridigis la publikon ; sed la skandalo fariĝis nepriskribebla, kiam meze de sceno de l'franca Revolucio, aperis esperantista flago ! — P. L.

.˙. *Centra Oficejo Esperantista.* Al la membroj de la Internacia Financa Konsilantaro elektita laŭ la decido de la Barcelona Kongreso estis sendata raporto pri la ĝisnuna agado kaj financa situacio de la C. O. Laŭ ĝi tiu institucio bezonus ĉiujaran enspezon da 6.000 Sm. trovotan per kotizaĵoj de la Esp. propagandaj societoj. Krom tio G-lo Sébert proponas la fondon de Societo de la C. O. kun individuaj partoj da 200 Sm. kies procentoj servus kiel garantio en okazo de deficito.

.˙. *Monhelpoj.* — La Urba Konsilantaro de Avignon (Franc.) voĉdonis monhelpon da 50 frankoj al la tiea Esperantista grupo.

La urbestraro de Karlin (Bohemujo) same voĉdonis monhelpon da 100 frankoj al la « Oficejo por Informoj » de la Bohema Unio Esp.

.˙. *En lernejoj.* — En Teziutlan (Meksik.) la instruado de Esperanto estas nun enkondukita en ĉiuj oficialaj urbaj lernejoj ; same en Rio-de-Janeiro (Brazil).

.˙. *Gvidfolio.* — La Oficiala anonca komitato de Oban (Skotlando) esprimis la intencon eldoni gvidfolion sub la aŭspicioj de U. E. A.

.˙. *Esperanto kaj Industrio.* — Lastatempe la Esp. grupo de Reims (Franc.) sendis raporton pri la ĝenerala situacio de Esperanto al la « Société Industrielle de Reims », kiu patronas esp. kurson ; al tiu raporto estas aldonita detalaj informoj pri U. E. A.

*Esperantista aviadisto.* — Nia samideano kaj bona propagandisto Gaston Guillaume, prezidanto de l'*Esperantista Sporta Unio*, membro de la *Saint-Denis'* a kaj *Pariza* grupoj, lernas la aviadarton en la lernejo Paulhan, por propagandi nian lingvon inter la aviadistoj. Ni deziras sukceson al nia amiko, kiu, ni kredas, scios dissemi la bonan parolon inter ĉiuj siaj novaj amikoj, tiel ke baldaŭ ni povos vidi esperantistajn aviadistojn trakurantaj la mondon kaj farantaj multajn adeptojn al nia lingvo.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *British Esperantist* enhavas, en angla lingvo, bonegan artikolon de W. M. pri la servoj de U. E. A. kaj la rezultatoj de nia statistika enketo,

.˙. *Germana Esperantisto* publikigas sub la subskribo de S-ro J. Schmid tre klaran historion pri la pseŭdo-neŭtrala Lingva Oficejo en Bern (Weltspracheamt), kiu estas en la realeco nur plimalpli sukcesa provo de dua... Delegitaro.

.˙. *Kataluna Katoliko* estas nova organo de la Kataluna Ligo de Katolikaj Esperantistoj.

.˙. *Universala Ĵurnalo.* Nova gazeto en Esp. kaj rusa lingvoj, aperanta en Peterburgo. Laŭ la ĉefartikolo, « ĝi havas kiel privatan celon akceli ĉiujn asociojn kaj instituciojn, kiuj aspiras la solvon de tutmondaj problemoj kaj la atingon de komune homaj idealoj ».

.˙. *Antaŭen* estas la oficiala bultena organo de la Germana Laborista Esp.-Asocio, kiu antaŭ ne longe havis sian jaran kunsidon en Leipzig.

.˙. En *The Southland Times* (Invercargill, Nov-Zelando, 21 aprilo) aperis traduko de la artikolo : « La Festeno de l'Morto », kiun ni publikigis la 20 februaro. La Nov-Zelanda gazeto indikis la devenon de tiu artikolo.

.˙. En *Le Corrézien* (Tulle, Franc., 9 junio) bona raporto pri la Federacia kongreso en Limoges.

.˙. En *Diario de Noticias* (Bahia, Brazil., 29 aprilo kaj 11 majo) favora raporto pri la Brazila kongreso.

.˙. En *Le Médecin* (Bruselo, majo), bela artikolo de D-ro A. Clerc pri la kuracista kongreso en Augsburg (1910) kaj T. E. K. A.

.˙. *The Manchester Morning* (Manchester, Angl., 26 majo) la cirkulero de U. E. A. por la Grenobla Pafkonkurso.

.˙. En *Jornal de Noticias* (Bahia, Brazil., 11 majo) raporto de D-ro H. Motta Mendes pri la Brazila kongreso.

.˙. En *La Marmotte* (Mons, Bel., majo) alvoko al komercvojaĝistoj ; detalaj informoj pri la servoj kaj utileco de U. E. A. — R. R.

.˙. Pri la parolado de S-ro Archdeacon en St-Cyr (vidu *Esperanto* 5 junio) favore raportis : *La Croix*, *L'Eclair*, *Le Petit Parisien*, *Excelsior*. — M. G.

.˙. En *The Bath Herald* (Bath, Angl. 9 aprilo), ĉefartikolo pri la progresoj de Esperanto kaj U. E. A. — M. G.

.˙. En *Le Réveil du Centre* (Limoges, Franc., 20 majo) favora raporto pri la propaganda parolado de Prof-ro Th. Cart. — M. G.

.˙. *Le Théosophe* daŭrigas la esperantistan kurson faritan de S-ino Diou-Trouillon kaj ankaŭ publikigas interesan kronikon pri nia movado.

.˙. La *Semaine Religieuse de Nantes* de la 15-a aprilo, kaj tiu de *Québec* de la 22-a, publikigas gravajn artikolojn pri la « Utileco de Esperanto ĉe la katolikaj misioj de Manitoba ».

.˙. Pri la paroladoj de S-ro Parrish, nia Kalifornia samideano, favore raportis, lastatempe, *Le Nouvelliste de la Hte-Saône*, *Le Salut Public*, *Le Progrès*, *Le Nouvelliste* (Lyon), *Le Petit Dauphinois*, *Le Joural de Sotteville*.

.˙. S-ro G. Chavet, D. D. de l'U. E. A., sekretario de la C. O. aperigas nun plenan historion de l'Esperanto en Francujo, ĉe nia kunfrato *Franca Esperantisto*.

.˙. Interesaj artikoloj pri U. E. A. aperis en *Dokumente des Fortschritts*. — M. G.

# Esperantia Vivo

**Morto.** — En Plock (rusa Polujo) subite mortis treege fervora juna samideano, S-ro *Zenon Ihnatowicz*, elektita antaŭ nelonge kiel Delegito de U. E. A. Lia lasta deziro estis, havi sur sia tombo esperantan surskribon.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Propono.**

S-ro H. Sengerob, Del. de U. E. A. en Bensheim, proponas, ke § 3 de la Statuto, ĝis nun redaktita jene :

« La sola lingvo oficiala de U. E. A. estas la lingvo Esperanto tia, kia ĝi estas difinita per sia literatura kaj teknika verkaro »

estu modifata kiel sekvas :

« La sola lingvo... estas la *Zamenhofa* Esperanto, tia, kia ĝi estas difinita per la *Fundamento*, ĝia literatura kaj teknika vortaro. »

S-ro Sengerob jene pravigas sian opinion : « ...En la nuna tempo, kiam tiom da plibonigemuloj provadas ŝanceli nian Fundamenton, tia nemalkomprenebla fikso de la lingvo de nia Asocio certe estos dezirinda kaj eĉ, laŭ mia opinio, necesa... »

Konforme al § 53 de la Statuto, se antaŭ la 20 Septembro, pli ol la *kvinono* de la *voĉdonrajtaj* Del. nome 21 (t. e. pagintaj almenaŭ 20 kotiz. por 1911) konigas al ni sian aprobon pri tiu modifo de § 3, ĝi estos submetata al ĝenerala voĉdonado (Iniciatrajto).

**Komitato de U. E. A.**

La Komitato de U. E. A. decidis ne partopreni oficiale en la Petskribo por la Paco, iniciatita de F-ino Eckstein. (propono Schmid).

Ĝi akceptis la principon de kreo de speciala sekcio de Interŝanĝado, interne de U. E. A., kaj aprobis la regularon de tiu fako, kiu estos publikigata en venonta nº de *Esperanto*.

**Distriktoj.**

En nº 101, ni erare donis la nomon *Rejnlando-Vestfalio* al la distrikto ĝis nun nomita Nord-Okcidenta Germanujo. Anstataŭ tiu lasta oni devas legi Okcidenta Germanujo.

**Gazetaro.**

Ni sincere dankas ĉiujn Esp-istajn gazetojn, kiuj bonvolas represi la oficialajn komunikaĵojn pri U. E. A., kiujn ni regule sendas al ili.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la Centra Oficejo de U. E. A. dum la monato majo.

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 652 | 1910 | 153 |

Tuta sumo 2.715 (sen la Jarlibroj). Antaŭa monato : 3.308.

La Direktoro.

**Novaj Del. Vicdel. aŭ Subdel.**

Blairsville (Usono, Pensylvania). — Robert S. Wolf, 146, West Market Str.

Brignoles (Franc., Var), — Reynat, Unuagrada Inspektoro.

Gerona (Hispanujo). — S-ro Josefo Tajo Callico, 13, Cassetera de Barcelona (Vicdel.).

Gœrlitz (German. Silezio). — Heinrich Waij, Zillauerstr. 3185 (Vicdel.).

Komarom (Hungar.). — Lajos Schneider, Magyar utea 1/a sz.

Montebourg (Franc. Manche.). — Gosset, notario.

Tarragona (Hispan.). — Johano Solé Granell, Romblade San Juan 27.

**Ŝanĝoj.**

Ekaterinodar : La Del. loĝ. nun, Aleks. Zakrjevski, Borzikovskaja ul. d. 55. — Peterburg : Somere la Del. loĝas, Aleks. Zajcev, Dumskaja ul. Dom. Homajko. — Sumi, Ĥarkova gub. Ĉiuj koresp. estu sendataj al la Vicdel. S-ro Rejngold Lorencson, Gorohovaja 7, St., Peterburg. — Voiron : La ĝusta adreso de l'Del. estas Marius Trouilloud, Chemin de la Ciguogne Criel. — Zittau : La Del. estas nun. Otto Kœnig, Friedlænderstr. 13. — Zolotonaŝa : La Del. loĝ. nun, A. Andrievski, Gouvernement de Poltava.

**Lokoj, kie ne plu estas la Del.**

Nikolaev.

**Citoj.**

Ivan Stalzer. Del. por Zabreh, pro neresp. al informpeto. (I-a cito).

M. de Balzac, Del. por Torino, pro la sama kaŭzo (I-a cito).

La Del. ne respondontaj post 2-a cito estos forstrekitaj laŭ la regularo.

**Forstrekoj.**

N. Gonzales, Del. por Linares.

J. Rodriguez-Huertas, Del. por Malaga.

J. Trautner, Del. por Kaiserlaŭtern.

Ĉi supraj Del. estas forstrekitaj konforme al la regularo.

**Restarigo.**

Sampierdarena. — Eugène Rondini, via Milano 2-5, restas Sub.-Del.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Lyon (Franc.). — Fabrikejo de citronlikvoro, 44, rue de Sèze.

Norhanton (Angl., Yorksh.). — Stabler kaj Beeson, ŝinkokaj lardo-eksportistoj.

Rognonas (Franc.). — Harmonie Rognonaise, muzika societo.

Sydney (Aŭstralio). — Cropleys limited, 736 kaj 800 George Str., 413-415 Pitt. Str. Botvendistoj.

Toulon (Franc.). — C. kaj J. Bozon Verduraz, 1 rue Zola ; aparatoj por kunbranĉigi funkciantajn kondukilojn de akvo gaso aŭ vaporo.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ciuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L= *letero*. PK =*poŝtkarto*. PI=*poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

## TARIFO

**Anoncetoj.**

Korespondado. — *Unu enskribo (2 linioj): 20 Sd (= 50 centimoj).*

Petoj & Proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (10 vortoj) ; 15 Sd (=40 centimoj).*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

**Reklamo.**

*1 linio aŭ ĝia spaco 20 Sd (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o ; por 12 enpresoj, 25 o/o ; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

Avizo. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo kaj Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris* ; Publicité Esperanto Herlemont, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, *Paris*, Xe ; S-ro A. Dupuis, rue de l'Arc-de-Triomphe, 2, *Paris* ; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.* : Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo, Th. Auding, *Berlin, S. W. 48* ; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig* ; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

Kurmiĉ Simbirskaja gub. (Ruslando). — F-ino E. A. Kruglova Per P. I. kun plastikaj artaĵoj.

Mine d'Ain-Allega près Tabarka (Tunisio). — S-ro Johano Botinas PK. L.

Kolozsvar (Aungarujo). — S-ro Jozefo de Vary turisma konsulo de U. E. A. kun turistoj el ĉiuj partoj de l'mondo. Pl. PM. b. fl.

Paca Palaco : P. K. post ricevo de Sm. 0,10 sendas H. F. Pothast. Del. U. E. A. 's Gravenhage, 63, Brueghelstraat, Nederlando.

Kolozsvar (Hungarujo). — S-ro Otto Amon jurnalisto pri kontraŭalkoholismo. Precipe kun neeŭrop. Pl L.

Valencia (Hispan). — S-ro Vicente Marti, Visitacion 2. Pl.

Peterburgo (Ruslando). — S-ro A. Stepanov, V. O. Tuĉkova naberejnaja 2. kv. 24. P. I.

Kamenski-Nikolskija, Niĵegorodskago Uezda (Ruslando). S-ro N. A. Proskurjakov, studento de universitato. P. I. kaj pri literaturaj temoj. L.

Esslingen a/ Neckar (German.). — S-ro Rich. Herm. Hengstenberg L. fotografaj. PM. specialaj. por esp. ekspoz.

Gerona (Hispan.). — S-ro Josefo Guillen Str. Barcelona 2-2º-2ª.

Zaragoza (Hispan.). — Fraŭlo Manuel Ripol, Sn Blas 72-1º kolor Pl.

Montevideo (Uruguay). — S-ro Victor De La Sovera, Justicia 127ª. Pl.

San Cristobal (Venezuela). — S-ro F. D. Lara, Pl. PK.

Elberfeld (German.). — Oskar Weber, 109, Deweerthstr.. Pl.,

Granesaŭ, poŝto Neŭsattl apud Karlsbad (Bohemujo, Aŭstrio). — Anton Wohlrab, instruisto. P. I., L.

Narva (Rusujo-Estlando). — S-ro Konstantin Hüna, Joahimstal, domo 171, kv. 9. L. portret., P. I. de grupoj kolor. P. I.

Beverwijk (Nederlando). — Heinrich Robrecht, 55, koningstraat. P. I.

Versailles (Franc.). — S-ro Courbon, 5e Génie, Cie 21-3, Caserne Denfert. P. I.

Poisson (Franc. S-et-L.). — F-ino T. Moine PK. L. kun gesamideanoj de ĉiuj landoj.

Moskvo (Rusujo). — S-ro J. V. Bodrov. Malaja Alekseevskaja dom N 17.

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, Pl.

Paris (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (Ve). Pl.

Wischau (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Gottfried Neubauer, sukerfabrikoficisto, Pl. L. PM. kaj fotografaj., kun ĉiuland. samid. prefere ekstereŭrop.

Romans (Franc.). — Subkolonelo Pillon aĉetas, interŝŝ. kaj cedas PM.

Sopron (Hungarujo). — S-ro A. Korak, Szentgyœrgy. u. 14. — S-ro J. Gabor, Szentgyœrgy-u. 12. — S-ro S. Varga, Szentgyœrgy u. 6. Pl.

Paris (Francujo). — S-ro A. Levoy, 5, Quai de Montebello, Pl. L. Pri vivo precipe kun geamerikanoj.

Breda (Nederlando). — S-ro J. Bal, fervoja komizo, Nassau singel 18. — S-ro S. Boas, librotenisto, Nassau singel 19ª L. PM. Pl.

Salvador (Brazil-Bahia). — Abelard R. Santos, Caixa Postal 102. P. I. P. M.

Berlin-Wilmersdorf (German.). — S-ro Paul Nollenberg, Holsteinische St. 44ª P. I. kun neeŭropo.

Hapsal (Estland, Rusl.). — Foto-atelier Grüntal, kun ĉiulandaj gefotografistoj ; profesia scienca celo. P. I., fotografaĵoj. Tuj dankeme respondas.

Magdeburg (German.). — S-ro Kurt Barginda, instruisto ĉe komerca lernejo, Rackow, Beaumonstr. 11. Pl. L.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

GRANDA HOTELO DU GLOBE, Paris, 71, Rue Monge (apud Rue Lacépède). Posedanto A. Leclerc. Proksime stacidomoj Austerlitz-Lyon-Montparnasse kaj Sportoĝardeno Sorbonne-Luxemburg'a ĝardeno. Ĉambroj de 0,80 Sm. ĝis 2 Sm. La gemastroj estas esperantistoj.

---

« GESTUDENTAJ INTERESOJ. » — Sola studenta organo. Jarabono Sm. 1. — Redakcio : « Esperanto » en Luhaĉovice (Aŭstrio, Moravio).

---

RIPREZENTADO. — D. Mazzini Nipote, Genova, Italujo, serĉas riprezentadon por Italujo de fremdaj firmoj por la vendado de kafo, feloj, produktoj por tanistoj, ĥemiaĵoj, oleoj, sebo, k. t. p. Oni korespondas esperante.

---

INTERŜANĜO. — Kiu familio en belga marbanloko akceptus dum aŭgusto-septembro *muzikinstruistinon* (par. germane, france. angle, holande, esper.) ? Ŝi donus kompense lecionojn pri muziko kaj germana lingvo. — M. Bartholome, Wiesenstr, 63, Essen-Ruhr (Germ.).

---

LIBERTEMPAJ LECIONOJ. — Francan Esperantiston, kiu desiras perfektigi sian konon de angla lingvo, akceptus kiel gaston la subskribinto, jurnalisto. Celo : reciproka lingva ekzercado ; restado zenpaga. Skribu senpere al : S-ro *A. Kenyon*, Sunnyside, Cleeve Still, *Chellenham* (Anglujo).

---

BOMBONOJ DE PERFEKTEGA BONGUSTO, tri funtoj da miksaĵo en kesteto Sm. 1.59. Firmo « *Fratoj* Eliseev ». Ruslando, Peterburgo, Vasil. Ostrov.

---

LIBERTEMPEJO. Lecionoj de franca lingvo donataj de licenciato ; nutrado ; loĝado, en ĉarmeta vilao, vasta kaj komforta ; 1 horo de Paris, vagonare ; apud la arbaro de Fontainebleau. Por pluaj sciigoj, prezoj, ktp... sin turni al S-ro Duviard, Konsulo de l'U. E. A. por Junuloj, les Fusains. Chartrettres (Seine-et-Marne, France).

---

OFICO. Rusa studento de supera agrikultura lernejo, tre serioza, energia homo serĉas ian oficon en eksterlando (inspektado, observado, ktp.). Rusujo, Varsovio. Veterinarnij Institut. por S. B. (adreso).

---

25 JARA SVISINO, kun agrabla karaktero deziras edziĝi kun esperantista sinjoro, se eble komercisto kaj posedanta afablan, seriozan karakteron.

Leteroj, kiujn oni estas petata sendi al *M. G. 1911. Poste restante, La Chaux de Fonds, Svisujo*, estos resendotaj.

---

FABRIKEJO DE CITRONLIKVORO sendas afrankite kontraŭ 4 Respondkuponoj belegan boteleton. Riprezentantoj petataj en ĉiu norda lando kaj kolonio (krom Francujo). — S-ro P. Brachet, 44, rue de Sèze, Lyon (Francujo).

---

FRANCON aŭ Francinon akceptus kiel pagantan gaston gedoktoroj Poole ; ili parolas angle, france, iom esperante. Celo : reciproka lingva ekzercado. Skribu rekte : North Side House, Linchwaite, Huddersfield, Angl.

---

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en Lübeck. Ekspedoj la nordo. Eksport- kaj import-komisioj. Adreso : G. Klefe, Unterave, 8, Lübeck (Germanujo).

---

SENPAGAJ INSTRUKCIOJ pri hipnotismo kaj pri magnetismo. Sin turni al Societo Psychique, Paris XIXe, 142, rue Flandre.

---

ATENTU ! Bonvolu antaŭ sendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukceplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Aŭstrio-Moravio.

*La Administranto (Gérant)*: MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).



# ESPERANTO-OFICEJO

**Sinjorino FARGES, 36, strato Victor-Hugo, LYON (Franclando)**

*Ricevinta la 1-an premion en la konkurso de U. E. A., en la V-a kongreso en Barcelona*

Informejo por la fremdaj geesperantistoj. Centra propagandejo por la Rodana regiono. || Vendejo de ĉiuj Esperantistaj libroj kaj jurnaloj kaj ĝenerale de ĉiuj Esperantaĵoj.



**BUSTO de D-ro ZAMENHOF**

*Verkaĵo de Jean CHOREL*

Lyon'a Skulptisto, Medalita de la Paris'a Salono. — La Majstro pozis speciale en Lyon je Septembro *1909*-a.

Gipsa kopiaĵo alta je 18 cm., larĝa je 13 cm., en kartonskatolo

Prezo nete : **5 frankoj - 2 $**

Gravaj rabatoj por la Esperanto-Oficejo

Ligna kesteto (1 fr.) estas rekomendata por la sendoj al fremdaj landoj

La aĉetanto pagas la sendelspezojn plie

**Silkaj Esperantistaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj.** — **Silkaj ĉiunaciaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj**

Ciu flageto : **0** fr. **20** (0 $ 08)

*Specialaj prezoj pogrande por la Oficejoj, Grupoj kaj Societoj*

**LYON** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la monumentoj. || **VIENNE** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la antikva romana urbo.

*Kun klariga teksto en Esperanta kaj Franca lingvoj*

| | | |
|---|---|---|
| La kolekto da 20 | **0** fr. **85** | (0 $ 34) |
| — 100 | **3** fr. **50** | (1 40) |
| — 500 | **15** fr. **50** | (0 20) |

**4 malsamaj poŝtkartoj pri la Ruĝa Kruco Esperantista**

(eldonitaj de la Lyon'a Esperanto-Oficejo)

| | NIGRAJ | KOLORIGITAJ |
|---|---|---|
| La kolekto | **0.40** (0 $ 16) | **0.60** (0 $ 24) |
| 100 | **4.00** (1 60) | **6.50** (2 60) |
| 500 | **18.50** (7 40) | **21.00** (8 40) |

**SAINT-ETIENNE.** — 12 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la monumentoj, kaj kelkaj vidaĵoj de Rochetaillée.

La kolekto : **0** fr. **50** (0 $ 20)

**Esperantistaj Sigelmarkoj** (verda stelo sur blanka fundo kun la vorto « *Esperanto* ») gluhavantaj sur la dorsa flanko, gluigotaj sur leterpaperoj, kovriloj, afiŝoj aŭ en kunvenejoj kaj vagonfakoj. Bonega propagandilo.

| | | |
|---|---|---|
| 500 markoj | **1** fr. **50** | (0 $ 60 |
| 1.000 markoj | **2** fr. **50** | (1 $ » |




**La Firmo S. FARGES estas :**

La plej granda presejo kaj eldonejo de poŝtkartoj en Lyon ;

La plej granda vendejo kaj interŝanĝejo de poŝtmarkoj en Lyon.




*Oni sendas kolektojn por elekti kontraŭ monsumo*

La « Esperanto-Oficejo » deziras ricevi broŝuretojn, foliojn, specimenojn kaj proponojn pri propagando kaj komerco.